XVIIª jaro. Nº 251/252 (7/8) ☆ Monata ☆ Julio/Aŭgusto 1921

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Frankoj |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Frankoj |
| Unu numero | 1.— Franko |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu-centimetra kolonero) | 2.— Frankoj |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Franko |
| Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Franko |

*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE

*La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## AL PRAHA KONGRESO KUN ĜOJA KORO

Ni antaŭvidis 800 partoprenantojn ĉe Praha. La 15 junio jam 1700 enskribiĝis. Hodiaŭ kredeble ankoraŭ pli. Ĝoju la tuta Esperantistaro kaj ankaŭ la progresema homaro pri tiu bela sukceso, superanta ĉies esperojn. La Praha kongreso estu solena paca festo kaj havu kiel ĉefan taskon doni al ĉiuj anoj varmigan provizon da kuraĝigo por la tuta sekvanta jaro.



KASTELO HRADĈANY

„Kiel antikvaj Hebreoj tri fojojn ĉiujare kunveņadis en Jerusalemo, por vigligadi en si la amon al la ideo monoteista, tiel ni ĉiujare kunvenas en la ĉefurbo de Esperantujo, por vigligi en ni la amon al la ideo Esperantisma. Kaj tio ĉi estas la ĉefa esenco kaj la ĉefa celo de niaj kongresoj."

Tiel parolis Zamenhof en Ĝenevo 1906. „Festoj de l' interna ideo", jen lia difino de niaj kongresoj!

Sendube gravaj internaj kaj eksteraj problemoj diskutiĝos ĉe la kongreso, sed por detala studado ilin plej saĝe prilaboros apartaj komisionoj. Ĉion oni ne povas fari samtempe en tri aŭ kvar ĝeneralaj kunsidoj. Do tute prave S-ro Page kunvokis la Organizan Komisionon kelkajn tagojn antaŭ la kongreso kaj ankaŭ prave kunsidos la Lingva Komitato antaŭ la malfermo. Laŭ art. 3 de la kongresa regularo lingvaj temoj apartenas al L. K. kaj ne al la kongreso. Ankaŭ UEA havos tri apartajn kunvenojn.

Tiel esperebIe ĉiu kontentige plenumos sian taskon kaj helpos bonajn solvojn. La organiza komisiono jam multe laboris kaj diskutis pli ol unu projekton de komuna ligo, sed ĝis nun la vidpunktoj estis tro malsamaj, por ke ĉiuj konsentu pri unu sola. La ĉefa malkonsento montriĝas pri la principo „organizaĵo de *individuaj* Esperantistoj", kiun voĉdone rekomendis la XIIª Kongreso. Tial oni ne povis raporti antaŭ la printempo, kiel estis petite en Hago. Buŝa interparolo certe faciligos decidon, kiu devus, se eble, esti kvazaŭ unuanima, por ke ĉiuj ĝin akceptu kaj plenumu bonvole.

Se tia unuanimeco ne estas ebla, tiam la kongreso povos decidi, ĉu ĝi deziras prokrasti la aferon unu jaron plu, por ke la kontraŭaj raportoj povu aperi en la gazetaro kaj esti publike diskutataj.

La Lingva Komitato devos diskuti la rezoluciojn voĉdonitajn en Hago pri sia reorganizo kaj eble raporton de l'Akademio pri la demando landnoma, kiun ĝi nun reesploras.

UEA devos diskuti sian situacion rilate al la rekomendoj de l' organiza komisiono, t. e. ĉu ĝi akceptos kunfandiĝi en komuna ligo aŭ ĉu ĝi preferas resti sendependa. Similan demandon devos respondi la Pariza Centra Oficejo kaj ĝia subtenanta „Societo de Amikoj de Esperanto".

Inter eksteraj problemoj ĉefe staras la propagando ĉe Ligo de Nacioj. Ankaŭ por tio, speciala komisiono estas dezirinda.

Kiaj ajn estos la opinioj kaj decidoj, unu sama celo superas ĉion kaj unuigos senescepte ĉiujn kongresanojn: la firman volon servi la homaron per disvastigo de Zamenhofa lingvo. Eĉ kiam opinioj diversas pri tiu aŭ alia problemo, neniel praviĝus la ekzisto de partioj inter la Esperantistaro. Tiu eraro antaŭmilita nepre ne reviviĝu nun. En Hago regis bona atmosfero ebliganta malkaŝajn diskutojn inter opinioj, neniel inter „kampoj". Tiel same estu en Praha.

Ĉiu klopodu, ne nur konvinki, sed ankaŭ lerni, ne nur klarigi, sed ankaŭ kompreni. Estas vere, ke naskiĝis nova postmilita generacio de Esperantistoj, kiu eklaboris kiam multaj pli malnovaj samideanoj ankoraŭ restis for de la movado pro militaj cirkonstancoj. Eĉ nun multaj tiaj nur hodiaŭ rekomencas legi niajn gazetojn kaj similas iom al dorminto, kiu vekiĝinte frotas siajn okulojn. Pri la malnova generacio kaj pri ĝiaj iom forlasitaj organizaĵoj la nova

nature inklinas senpacienciĝi ekkriante: lasu tiujn dormulojn, kaj ni iru antaŭen! Pli saĝe estus respekti la grandajn meritojn de l' pioniroj, profiti ilian sperton kaj eviti pasintajn erarojn.

Al la malnova generacio la pli juna ŝajnas tro senprudenta kaj tro nezorgema pri antaŭmilitaj aŭtoritatoj. Tial severa juĝo, riproĉemaj admonoj laŭ kutima familia tradicio. Pli saĝe estus danki la fervoron de l' nova kolegaro, al kiu la movado ŝuldas sian reviviĝon, kaj kompreni ĝiajn aspirojn evitante senfruktajn bedaŭrojn aŭ haltigajn trudaĵojn.

Al tiuj, kiuj partoprenas en ambaŭ generacioj per malnoveco kaj juneco, klare montriĝas la nobla tasko servi kompreniĝon kaj helpi kunlaboron. Do ĝoje al Praha kun frataj koroj!

Al oficialaj reprezentantoj, kiuj atente ĉeestos niajn kunsidojn ni montru, ne nur la mirindan taŭgecon de Esperanto kiel materiala komprenilo, ĵaluzinda, sed ankaŭ kiel spirita kunligilo de l' homaro nova, ankaŭ sopirinda. Noble refloru tiu admirinda realaĵo proklamita de nia Majstro en Bulonjo-sur-Maro: „Hodiaŭ kunvenas ne Rusoj kun Poloj, ne Francoj kun Angloj, sed homoj kun homoj."

*Edmond Privat.*

 SOCIA VIVO 

# El la Internacia Labor-Oficejo[1]

(Reformoj kaj sciigoj)[2]

*IIIa Internacia Konferenco de l' Laboro.* — Organizata de I. L. O. ĝi okazos la 25 oktobron en Ĝenevo. Ĝia precipa tasko estas ellabori internacian leĝaron por agrikultura laboristaro. Programo enhavas jenajn plej gravajn punktojn: fiksado de labortago en terkultura laboro; protektado de vilaĝaj virinoj kaj infanoj; demando pri terlaboristaj kuŝejoj; higieno, teknika profesia instruado; rajto de asociiĝo kaj aliĝo; asekuro kontraŭ malfeliĉo, malsaneco, invalideco kaj maljuneco, k. t. p. Ĉiuj landoj, anoj de la I. L. O., partoprenos je la kongreso. Tiel, la oficejo intencas ellabori internacian leĝaron protektanta ne nur fabrikan, sed ankaŭ terkulturan laboristaron.

*Blinduloj-laboristoj.* — La I. L. O. pristudis demandon rajtigi internacie al ĉiu blindulo-laboristo, akompanata de sia gvidanto, pagi nur duonan bileton en vagonaro. Enkonduki internacian legitimacian karton permesanta al blinduloj-laboristoj uzi tiun plimalaltigan tarifon en ĉiuj landoj.

*Por defendi invalidojn.* — La I. L. O. posedas specialan sekcion okupiĝantan pri vivkondiĉoj de militinvalidoj, viktimoj de la lasta milito. Ĝi preparas ilian internacian konstitucian akton: ĉiu invalido, suferinto de la milito, devas havi, kvazaŭ laboristo, viktimo de la akcidento, rajton al asekuro kontraŭ akcidento kaj invalideco. La Ŝtato devas protekti siajn suferintojn. Jam la plej grandaj invalidaj asocioj en Anglio, Francio, Germanio kaj Italio aliĝis al Internacia Labor-Oficejo, kiu preparas internacian projekt-leĝaron por tutmonda militinvalidaro.

*Senarmigo kaj la I. L. O.* — La ĝenerala sekretario de la Ligo de Nacioj invitis tuj la I. L. O. partopreni en la komisio, kiu devas prezenti al la societo studaron kaj proponaron celanta redukton de l' armado. Tiu komisio enhavas personojn spertajn en la politikaj, socialaj, ekonomiaj, financaj, militaj, ŝipaj kaj aeraj demandoj kaj plue ses personojn, kies tri laboristojn kaj tri mastrojn, senditajn de la I. L. O. Tiel la voĉo de la laboristara klaso estos aŭdita pri tia grandega demando, kia estas la demando de la tutmonda senarmigo.

[1] Vidu aprilan N-ron de „Esperanto".

[2] Reformoj kaj sciigoj el socia, ekonomia, sindikata, k. t. p. movadoj el ĉiuj landoj estos ekspozataj tute objektive kaj senpartie. — *N. F. N.*

*Itala enmigrado.* — La italoj estas ĉiamaj enmigrantoj. Tuj post la milito, dum jaro 1920, 211,227 personoj forlasis Italion por transŝipveturi Atlantikan Oceanon kaj 153,717 aliaj eniris eŭropajn landojn, serĉante laboron. La plej ŝatataj landoj de italaj enmigrantoj estas Usono kaj Francio: unua altiris 167,379 kaj la dua 119,831 personojn dum sama jaro.[1]

*N. F. N.*

# La Fromaĝvendejo en Alkmaar

Alkmaar estas pentrinda urbeto en Holando. Ĝi havas ĉirkaŭ 19,000 enloĝantojn kaj povas esti atingata el Amsterdam per fervojo aŭ per vaporŝipo en malmulte da tempo. Krom ĝia fromaĝvendejo, la plej grava en Holando, la trankvila, laborema urbeto prezentas nur kelkajn vidindaĵojn: Oni vizitas la grandan preĝejon S-ta Laurentino, promenas laŭlonge la kanaloj vivigitaj de pezaj barkoj kun altaj mastoj kaj ombritaj de densaj ulmaleoj, en kiuj la etaj holandaj dometoj kvazaŭ ridetante nin rigardas; oni transiras multajn beletajn levpontojn kaj ankaŭ dum horeto ĝuas la belecon de „Alkmaarder Hout", ĉarma arbareto.

Sed la ĉefa allogaĵo por la fremduloj estas la fromaĝvendado okazonta ĉiun vendredon, al kiu amase alvenas la kampuloj el la tuta ĉirkaŭaĵo. Je tiu tago regas sur la libera per brikoj pavimita placo, antaŭ la Urba Pesilejo (antikva per turo ornamita konstruaĵo), originala por ni stranga aktiveco. Jam ĉe l' antaŭvespero komenciĝas la malŝarĝo kaj la amasigo de la globaj, oreflavaj kaj ruĝebrilaj „Edamfromaĝoj". El barko kaj veturilo la fromaĝoj flugas en kaptpretajn manojn, kaj de tie al tergenuantoj, kiuj kolone amasigas la gusthavan komercaĵon en formo de regulaj duoble sternitaj longaj trianguloj aŭ pli malgrandaj kvadratoj. Tie ĉi kaj tie kuras homo repolurante la glatajn globojn per tukpeco saturita de linoleo. La grandaj amasoj venas de la fabrikejoj, la pli malgrandaj de la kampuloj. En unu el la unuaj mi nombris dufoje 700 pecojn. Dumnokte ĉio estas zorge kovrita per vakstolo kaj freŝa herbo. La sekvantan tagon frumatene la prepara laboro estas diligente daŭrigata. Novaj rimarkinde puraj barkoj troviĝas en la kanalo, novaj kampulaj veturiloj je malsamaj formo, grandeco kaj koloro, alvenis sur la loko, kaj malŝarĝas sian enhavon, kiel priskribite, sur la teron, kiu poste nelonge estas tute kovrita per miloj da kapoj, sur kiuj la suno gaje rebrilas. Tre originala elvido!

La kampuloj, belaj viroj nigre vestitaj, kun nigraj kaskedoj kaj trankvila sintenado, faras bonan, eĉ noble solenan impreson. Iliaj edzinoj surhavas ankoraŭ la malnovajn blankajn, puntajn kufojn kun larĝa, kurba, ora plataĵo malantaŭ la kapo. Novaĵo estis por mi la formo de l' timono ĉe la kampulaj veturiloj: mallonga fortika korno el ligno, malsupre fergarnita. Meze de la vendejo rondiras la vendejestro, rigida maljuna sinjoro kun blanka barbo, purpuraj vangoj kaj nazo. Antaŭ la deka, vera komenciĝo de la vendado, mi vidis lin promenadanta sur la placo, tute nigre vestitan, balancante la bastoneton en la sur la dorso falditaj manoj. De tiam li estis alpreninta vestaĵon pure helan, surhavis pajloflavan polvomantelon kaj blankan pajlan ĉapelon kaj radiadis en perfekta ofica indeco. Je konvena distanco cirkulis ankaŭ en la vendejo la reprezentanto de la polico.

[1] Mi ricevis jenajn gazetojn enhavantajn mian tradukitan artikolon pri „Internacia Labor-Oficejo" (vidu aprilan „Esperanto"): „The Saskatoon Daily Star", Kanado (tradukinto S-ro P. Cundy); „Socialista Budoucnost", Brno (S-ro V. Krouzil) kaj „Duchčasu", Mor. Ostrava (S-ro J. Vitkovicky) en Ĉeĥoslovakio; „Evening Capital", Annapolis, Usono (tradukinto, sendu vian nomon!); „Die Neue Zeit", Graz, Aŭstrio (S-ro H. Sappl). Dankon sinceran al ĉiuj tradukintoj kaj al Danzig'a Esp. Grupo. Dezirante prezenti al septembra-oktobra ĝeneralaj kunvenoj de la „Ligo de Nacioj" kaj „Internacia Labor-Oficejo" propagandan raporton pri utileco de nia lingvo mi ŝatus havi aliajn tradukaĵojn de la sama artikolo. Bonvolu sendi gazetojn enhavantajn ilin al Nik. F. Nikolaev, 2, rue St-Léger, Genève.

En la muro de la Urba Pesilejo estas enigita la malgranda taga loĝejo de la vendejestro, budeto, en kiu mi ekvidis spegulon, kombilon, kalendaron, ilustrajojn, tableton kaj seĝon. Ĉe ambaŭ flankoj kontraŭ la muro vidiĝas lignaj tabuloj, unu por noti la pezojn, la alia por malpermesi trinkmonojn. En apuda vasta remizo de la malnova konstruaĵo (antaŭa preĝejo), troviĝas amasita la ilaro por forporti la fromaĝojn, strangaj iloj: du longaj, plataj, firmaj pesarkoj, kunligitaj per kvar tabuloj, sur kiuj kuŝas la ŝarĝo. La ekstremaĵoj de la arkoj estas koloritaj verde, blue, ruĝe aŭ flave. Apud tiu ĉi ejo oni vidas la pesilhalon kun kvar potencaj feraj pesiloj. Sur la pesiltelero staras apud la grandaj nekoloraj pesiloj po 25 kg du grandaj kaj du malgrandaj verde, blue, ruĝe aŭ flave koloritaj. En tiu ĉi halo troviĝas ankaŭ du malgrandaj verdkoloraj „kontoroj". Super unu la laŭdinda magistrato memorigas en malnova holanda lingvo pri la Salomona diro: „Falsa pesilo malplaĉas al la Sinjoro, sed bonan pesilon li aprobas." Post malfermo de la vendejo ĉirkaŭata de amaso da rigardantoj, inter kiuj troviĝas multaj virinoj, alvenas la matadoroj. Ili estas la portistoj enoficigitaj de la magistrato, grandaj, senbarbaj, fortikaj viroj, vestitaj per pure blankaj pantalonoj, blanka, malfermita, trikita ĉemizo kun distingilo, longaj blankaj ŝtrumpoj kaj malpezaj nigraj ŝuoj. La kapon kovras larĝa rubandhava pajla ĉapelo, verde, blue, ruĝe aŭ flave lakita. Oni ne malkovrus eĉ la plej malgravan makulon sur tiuj homoj.

Po du samkoloruloj servas la samkolora portilo. Estas interese, vidi kiel tiuj viroj kun sia piramida ŝarĝo kuras en la pesilhalon. La nura rigardanto devas atenti, retiriĝi, flankeniri. La ledaj zonoj streĉiĝas, la brakoj aŭtomate moviĝas kun la kruroj, ŝvito baldaŭ kovras la vizaĝojn, sed ne aŭdiĝas sono el ilia buŝo. Sur ĉiun pesilon oni ŝovas du portilojn; peskontrolanto staras apude notante, kaj alia oficisto pentras numeron sur du el la plej supraj globoj. Poste la fromaĝa amaso estas rapidege transportata al la plej proksima barko, kaj tie per longa defluilo, niaj flavaj amikoj rapide kaj ĝoje ruladas en la ŝipkalon.

Je la tago de mia vizito enskribiĝis 90 fabrikejaj amasoj. La prezo po 100 funtoj estis antaŭ la milito 32 guldenojn (nune 75 fl.). Ĉiujare ĉirkaŭ 8 milionoj da kg estas forsendataj tra la mondo. Je la dekdua la vendado finiĝas, sed la forportado daŭras ĝis la 8ª vespere. Tiun tagon la portistoj enspezis ĝis 16 guldojn; ili la tutan jaron vivas per tia okupo.

Je la dekdua vigliĝas la bela, multetrua turo: ĉe la unua sonorilbato jen elpaŝas el la horloĝo trumpetisto, kiu forsendas malsupren en la vendejan svarmadon ĝojigan melodion, kaj poste etaj rajdistoj rondetrotas; kaj por kroni la tuton, la granda sonorilaro plenumas sian programon dum tuta horo kun mallongaj paŭzoj, unue la anglan kaj holandan himnojn poste la plej novajn operariojn. Ĉiuj, en unua loko la kolektita lerneja junularo, ravite suprenrigardas, kaj se el la tipaj holandaj nuboj okaze ekbrilas la suno, la tuta vendejo kaj la superplenaj kafejoj ĝojegas. Ni certe ne bedaŭras, ke ni deflankiĝis de nia vojo por viziti Alkmaaron, kiu havigis al niaj okuloj kaj oreloj tiom da ĝuoj, samtempe ne ofendante nian nazon per ia ajn fiodoro. Vivu Alkmaar kaj ĝia fromaĝvendejo!

*Julius Herden.*

Trad.: *A. C.*

# ✿ NOTOJ ✿

.·. **Interesaj vidindaĵoj de Praha.** — *Neordinara Muzeo.* En Praha ekzistas muzeo, kiu per sia programo estas interesa uniko de sciencaj institutoj. Ĝi apartenas al privatulo, sed malgraŭ tio ĝi estas dediĉita al la bezonoj de l' publiko, kaj ĝi penas utili ne al subjektiva pasio kolektista, sed al seriozaj studoj sciencaj, enmembrigi sian specialan laboron en la kadron de universala scienca laboro. Ĝi estas muzeo de vestagrafoj de Waldes.

La muzeo estis fondita en jaro 1916 de bohema industriulo Henriko Waldes, kaj devas servi al la esplorado de vestagrafoj. La originoj de la muzeo baziĝas en la kolekto de modeloj, kiuj servis al bezonoj de la fabriko. La fondinto de la muzeo apartigis tiujn ĉi kolektojn de la fabrika organizaĵo, kaj estigis ilin bazo de sia privata muzeo, kies programo estis poste vastigita kaj science metodigita per helpo de sciencaj fakistoj en la kuratorio kaj de scienca muzea administrado.

La muzeo viciĝas do inter la muzeojn kulturhistoriajn de plej larĝa bazo, ĉar ĝi kolektas memoraĵojn de ĉiuj epokoj kaj de ĉiuj landoj: memoraĵojn historiajn eĉ objektojn modernajn, fabrikaĵojn popolajn eĉ laborojn de nacioj ekzotikaj, sed duaflanke ĝi precize limigas sian taskon koncerne la kolektatajn objektojn: ĝi zorgas nur pri difinita mallarĝa fako — pri vestagrafoj.

La muzeo demontras per ĉiuj helpiloj de moderna muzea tekniko la evoluon de ĉiaspecaj vestagrafoj interrilate kun la evoluo de vestaĵoj kaj kostumoj de ĉiuj epokoj kaj landoj. Jam depost pratempo oni povas vidsekvi ĉi tie tiun ĉi detalaĵon de vestoj, arigitan en multego da formoj kaj plej diversaj specoj de vestagrafoj. La primitiva tekniko de la pratempo scipovis doni al la vestagrafo metiajn formojn, kaj la agrafoj evoluis de simpla ligna dorno, hazarde prenita kaj enpikita en ledan vestaĵon de pratempa homo, ĝis al formoj tre komplikitaj, tiel ke la agrafo fariĝis ĉefa juvelo de la pratempoj, kiel montras ekzemple kelkaj trovoj de fibuloj[1] de l' kultura epoko de Hallstadt. Egale karakteriza estis fibulsimila agrafo en malfrua roma kulturo kaj en plej fruaj kulturoj mezepokaj; plej altvaloraj memoraĵoj juvelaj de ĉi tiuj epokoj plejgrandparte estas ĝuste la agrafoj.

Krom la formoj historiaj kaj modernaj, granda kvanto da materialo troviĝas eĉ sur la popolaj kostumoj; ĝuste ĉi tie konserviĝis pro kamparana konservativeco multaj formoj, hereditaj de pratempaj antaŭuloj; ekz. ĉiuj tre nombraj filigranaj agrafoj popolaj montras evidente, ke ĝian originon oni devas serĉi en renesanca ornamento, kaj la dekoracioj de diversaj, precipe stampitaj kaj mulditaj popolaj agrafoj montras evidentajn formojn barokajn.

Fine pro universaleco de sia programo la muzeo de Waldes kolektas ankaŭ agrafojn de transmaraj landoj, do el regionoj de kulturoj ekstereŭropaj. Estas evidente, ke eĉ ĉi tie la regionoj de matura klereco en Ĉinio, Japanio, Hindio estas kapablaj montri karakterizajn kaj multvalorajn ekzemplerojn, kaj egale vidiĝas, ke siaparte la landoj de primitivaj kulturoj, kiuj konserviĝis ĝis la moderna epoko en Afriko, Suda Ameriko, Gronlando kaj sur la insuloj de la Pacifiko, liveras precipe valorajn dokumentojn de tute simplaj agrafoj, proksimiĝantaj pro ĉi tiu simpleco al agrafoj de pratempuloj, kaj liverantaj tiamaniere komparan materialon sciencan.

Krom kolektoj de agrafoj la muzeo estas ankaŭ dotita per porstuda biblioteko, kie amasiĝas kostuma literaturo kaj bildoj de kostumoj kaj poste per arĥivo de negativoj kaj diapozitivoj por paroladoj; plue troviĝas ĉi tie historia kaj teknologia arĥivo, konsistanta je elkopiaĵoj koncernantaj la historion de vestagrafoj.

La muzeo de Waldes liveras do studmaterialon al kulturhistoriuloj, kiuj okupiĝas pri historio de kostumoj kaj modo, al industriuloj, kiuj fabrikas similajn kaj parencajn aĵojn, eĉ al metiuloj, kiuj fabrikas vestaĵojn. Krom tiu ĉi faka utilo ĝi liveras al ĉiu atentema vizitanto universalan instruon pri disvolviĝo de ĝenerala kulturo, pri ĝia stato en diversaj epokoj kaj diversaj landoj.

La muzeo de Waldes, Praha-Vršovice, av. Palackého 49, estas senpage enirebla je dimanĉoj kaj festotagoj de 9—12 h. kaj ĉiumerkrede de 9—1 h.

*Voĉo.*

[1] fibulo = arkforma pinglo kun ŝirmita pinto.

 LITERATURO 

# L' animo de Praha

Originalo de **Edmond Privat**



HRADANY

Revidonte Praha! Jam batas la koro kaj relumiĝas en memoro vidaĵo mirinda: supre sur la monteto, la kastelo de l' reĝoj kaj preĝejo katedra. Dekkvara centjaro, Karlo IV, glora tempo! Jen dekstre Belvedero Ferdinanda kun balkonoj kaj terasoj vidoriĉaj. Nostitz, Fürstenberg, Waldstein, vera nesto de Palacoj. Malsupre la Mala Strana, domoj, domoj, tegmentoj, pintoj, turoj, vera maro grize ruĝa. Kaj jen la fluo malalta, malhela, malrapida de la Moldava. Ponto Karla dike staras, firme, noble, kun fortikaĵoj laŭ gotiko. Kaj la turo gardadas de centjaro al centjaro.

Sed alveninte, ni tuj kuros al Velke Namešti. Grand' placo de l' urbo malnova: al ĉielo pintas sonorilejetoj de l' du-tura Tyn, kaj jen la vendokorto kun arkaĵoj de l' Mezaĝo, kaj jen la urbodomo kun pordego grandioza. Vivu Praha, inter ĉiuj urboj la plej bela en Mezeŭropo!

Post la suno sur la Placo, malhele ŝajnas en urbdoma salonego. Tamen radieto falas sur la pentraĵon de Brožik. Antaŭ la granduloj de l' mondo kunsidantaj jen kuraĝa Jan Huss, blanka, rekta, kun gesto proklamanta la rajton al penso libera. Ĉiuj potenculoj en princaj vestoj juvelriĉaj ja ŝajnas ĝis eterno vipataj de tiu malgrasa brako rigida, rifuzanta sub mortkondamno la submetiĝon de l' spirito. Al ĉeĥoj simbolo nacia, al tutmondo simbolo pensa: Konscienco kontraŭ Forto.

Iam brile gloris bohema reĝlando. Al Praha eĉ alkuris studentoj ĉiulandaj por lumo kaj scienco. Dum lastaj tri centjaroj fremda dinastio klopodis kaŝi tiun lumon, sed ĝi bruladis fidele. Kiam diskrakis imperio de l' Habsburgoj, la popolo ĉeĥa estis preta. Sendependa ŝtato restariĝis.

En la nova Respubliko leĝoj garantias rimarkindan liberecon: geviroj estas egalrajtaj, laboristoj protektataj, naciecoj rekonataj. En la Ligo de Nacioj, Ĉeĥoslovakoj jam akiris famon pri pacemo, saĝeco kaj socia progresemo. Sincere klopodas tiu popolo por eŭropa rekonstruo kaj efektiva laborado. Iom post iom ĝi jam ekiras supren de naciaj interesoj al tuthomaraj celoj. Trafe ĝi komprenas, ke ne povus ekzisti nacia feliĉo en internacia mizero. Tial ĝi favoras movadojn kiel nian. Tial ĝi gastigos nin.

Povu nia XIIIa Kongreso respondi tiun plej noblan aspiron en l' animo de Praha: la deziron al paciĝo.

**Nia gazeto ne aperos en aŭgusto. La proksima N-ro septembro-oktobro aperos la 15 septembro kaj raportos pri la XIII-a kongreso.**

# Restu al vi mem fidela

Originalo de **Friedrich Jahn**

*Restu al vi mem fidela*
*En la muĝo de l' ventegoj,*
*En la bolo de l' ondegoj,*
*Kiam malfeliĉo vin ĉagrenas,*
*Larmigantaj zorgoj vin katenas:*
*Klara la okulo, hela!*
*Restu al vi mem fidela!*

*Restu al vi mem fidela*
*En la bruo de l' batalo,*
*En la ombro de l' fatalo,*
*Kiam la amikoj vin forlasis,*
*Sorto vin kontraŭe embarasis:*
*Pruvu vin obstine cela!*
*Restu al vi mem fidela!*

*Restu al vi mem fidela*
*En la suno de la gloro,*
*En la brilo de l' honoro,*
*Kiam bena sorto vin favoras,*
*Ĉiuj amas vin kaj vin adoras.*
*En feliĉo senŝancela,*
*Restu al vi mem fidela.*

# Konkurso de alaŭdoj

Originalo de **Petro Stojan**

Ĝi estis je fino de marto, ĉirkaŭ la kvara horo, dum suna vetero. Mi iris el la urbeto ripoziĝi en paca naturo. Grandega, iom klinita, ebenaĵo herbokovrita, kiu servis al ekzercoj de militistoj, nun estis senhoma. Sed ĝin posedis insektoj kaj birdoj. En meza Serbio, marto estas printempa monato, epoko je florado de heleboro, tusilago, avelujo, poplo, violo, unua labiaco, anemono kaj fruktarboj. Do, abeloj jam orsonis en herbo, formikoj kuris ĉiudirekte, aperis tri-kvar specoj da papilioj, akridetoj kaj griloj kampaj komencis siajn koncertojn.

Sidante sur bordo de tranĉeo, mi observis tra dulorno upupojn, vireton kaj ineton, kiuj, ne suspektante min, trankvile kuretis serĉante en herbo larvojn, insektajn ovojn kaj vermojn... Sed, de alia flanko mian atenton altiris alaŭdo, kiu el iu proksima kampo, jam verda, subite suprenflugis preskaŭ vertikale, komencinte sian vibran sonoriletan arion. Pli kaj pli alten ĝi suprenflugis, en bluan malabismon, sin bananta en freŝa aero, sub oraj radioj de gaja suno. Atinginte plej altan punkton de sia aerpromeno, ĝi ŝanĝis tonon de sia kanto, kvazaŭ ĝi atentigis la rigardantojn pri sia heroaĵo. Komenciĝis malsuprenIro. Aŭdiĝis flutecaj mildaj notoj akompanantaj ĉiun etapon de rapidega alteriĝo; lasta etapo similis ŝtonfalon... Tuj dua alaŭdo leviĝis aeron kaj faris la samon, laŭ la sama ordo. Post ĝi leviĝis tria. Miregita, mi kun granda atento kaj admiro ĉeestis la veran konkurson de la aviado kaj kantado. Trapasis preskaŭ unu horo, la oka alaŭdo suprenflugis siavice, kaj mi, kvazaŭ bedaŭranta, foriris, ne vidinte finon de la konkursado.

## LINGVAJ STUDOJ

### Fino pri landnomoj!

Ĝoje mi ricevis la jenan sciigon de la Prezidanto de la Akademio:

„*Ĉar la Akademio intencas esplori funde kaj plene la demandon pri la Landnomoj, kiu ĝis nun estis nur parte kaj neplene studata, mi komisiis al la Direktoro por la Komuna Vortaro la pezan taskon verki pri tiu ĉi demando raporton pure objektivan, science metodan kaj pruve plenan, konsiderante* ĉiuflanke *kaj* en ĝia tuteco *la malfacilan kaj malsimplan problemon, profitante kaj kompletigante la antaŭajn partajn raportojn jam publikigitajn.*

*La Akademio, kiu celas nur la pacon kaj akordon tute necesajn al la bono de nia komuna afero, firme esperas, ke ĉiuj Esperantistoj, komprenante la danĝeron de konfliktoj kaj de nesufiĉe pripensitaj decidoj, konsente kaj propravole restos, ĝis definitiva pravigita solvo de la problemo, simple fidelaj, en la praktiko, al la Fundamento kaj al la Zamenhofa kaj tradicia uzado, ne enkondukante novan sufikson kaj profitante la diversajn nun ekzistantajn kaj regule permesitajn rimedojn.*"

Pri tiu deklaro mi sincere gratulas kaj dankas la Prezidanton de la Akademio. Tiujn du principojn: neceseco de plena restudo kaj dume daŭrigo de Zamenhofa uzado mi persone akceptis en miaj verkoj kaj artikoloj, neniam ĉesinte uzi la malnovajn formojn, kvankam la plimulto en la komisiono de UEA kaj miaj redaktoraj kunlaborantoj energie sin tenis al la Hodlera tradicio.

Nur la liberecon de la ceteraj kaj la respekton al ilia uzado mi defendis en la gazeto de UEA kaj en la Akademio, kie ili havas neniun reprezentanton. Tio estis malfacila tasko, kiu havigis al mi el diversaj flankoj malagrablajn batojn sur la dorson. Sed tio ja ne gravas.

Se la akademiestraro estus tuj konsiderinta la klaran deziresprimon de L. K. en Hago, la plej bedaŭrindaj polemikoj estus evititaj. Nun ili sufiĉege daŭris. La saĝa deklaro ĵus citita kondukas nin al la sola taŭga vojo: objektiva studado, kiun mi celis instigi prezentante raporton kaj cedeman proponon, restante ĉiam preta akcepti ian alian pli bonan ol mian. La tuta esperantistaro esperas, ke la Akademio preparos bonan liston de geografiaj nomoj, akcepteblan de ĉiuj. Kun ĝoja koro ni ĉiuj amike renkontiĝos en Praha metante nian komunan celon super ĉiuj forgesindaj disputetoj.

*Edmond Privat.*

#### TRI KOREKTOJ

1e Jen korektinda fakteraro nia, kiun ni tre bedaŭras: Sub la „Raporto pri landnomoj" en nia lasta N-ro ni aldonis note, ke „Prof. Cart jam uzis **-aĉo** *eĉ en lernolibroj,* longe antaŭ ĝia oficialigo." La vorto „lernolibroj" estas troa. Vortojn kiel *ĉevalaĉo* apud *fiĉevalo* oni trovas efektive jam en lia franca Esp. *vortaro,* Presa S-to 1907, sed en la enkonduka gramatiko de lia „Vocabulaire", Hachette 1906, oni trovas sub la listo de l' sufiksoj nur la jenan noton, cetere tre interesan: „Ja kun bedaŭro oni rezignis enmeti tie ĉi la sufikson **-aĉo** (it. *accio*) p. ekz. ĉevalaĉo (mauvais cheval, rosse) proponitan de S-ro Boirac kaj nediskuteble utilan. Cetere la ĝenerala uzado povas ĝin trudi." Libera uzado ja ĝin trudis.

2e Jen korektinda erareto de S-ino Cense en ŝia raporto pri L. K. en Hago (of. gaz. 25 majo 1921, p. 81): „Pri la sufikso -io S-ro Privat deklaras, ke li restas tre konservema kaj ke, se estas decidite, ke tiu sufikso ne estas akceptebla, li forlasos ĝin post du jaroj da eksperimentado." La vorto „forlasos" estas neĝusta. Mi diris „konsilos forlasi", ĉar mi neniam aprobis la sufiksigon de -io, nek de -oro, -acio aŭ -icio, kiu simple restu finiĝoj de internaciaj radikoj, kiel *Rumanio, profesoro, ovacio,* kaj *tradicio.* Estus eĉ tre dezirinde, ke oni ne tromultigu tiujn vortojn kun „pseŭdo-sufiksoj" kaj preferu *Egipton* al *Egiptio, Ruslandon* al *Rusio, administrejo* al *administracio, administranton* al *administratoro* kaj *eruditecon* al *erudicio.* Ni ne estu nur-eŭropaj, ni pensu al Azianoj, kiuj ne konas latinaĵojn!

3e Fine ankaŭ estas korektindaj la novaj fakteraroj de D-ro Corret en sia respondo al mia raporto pri landnomoj, kies proponan konkludon li citas nek entute, nek ĝuste en „Franca Esperantisto". Sed, por helpi paciĝon, mi rezignas daŭrigi la diskuton publike, kaj mi petas nur kompari la du tekstojn atente. Al la L. K. mi sendos detalan respondaron, konfirmante per pruvaj dokumentoj la faktojn de mia raporto.

*Edm. P.*

## LIBERAJ OPINIOJ

### Por la „interna ideo"

(Publika alvoko de la frato de nia Majstro)

Per Esperanto
al repaciĝo kaj konkordo

*La lastaj agordoj de la tutmonda milito ŝajne eksilentis.*

*La mondo revenas al sia ĉiutaga vivo. La okuloj de l' homoj, kiuj dum longa tempo estis kvazaŭ vualitaj, nun malfermiĝas por, ve, ekvidi ĉirkaŭ si brulvestaĵojn kaj dezerton. Dezerton en la ĉirkaŭanta naturo, dezerton en la mensoj kaj en la koroj.*

*La longe ekscitita per terurigaj fantomoj homaro malgraŭ la jam estingiĝinta fajro timeme faras la unuajn paŝojn en la novan periodon de la historio.*

*Estas facile veki malamon, sed malfacile ĝin estingi. Kaj sen reciproka konfido la nova vivo estas ne ebla. La prospera ekzisto sur ĉiam minacanta vulkano estas ne imagebla.*

*La singarda instinkto de la homaro sentas tion ĉi klare kaj jam nun serĉas vojon por rekonstrui tion, kio hodiaŭ kuŝas ruinigita.*

*Al tiu ĉi rekonstrua ago estus necesaj multaj manoj kaj multegaj koroj.*

*Ŝajnas, ke venis momento, kiam devas eksoni la forgesita interna ideo de Esperanto.*

*Kiu pli estas destinita en la nuna momento al reviviga ago de konkordo, ol ni Esperantistoj, kiuj ĉiam en siaj koroj dorlotis la ideon de homa frateco kaj amo kaj en sia himno kantas la belan revon pri sankta harmonio?*

*Certe la tuta Esperantistaro ne povas kaj ne volas ligi sian movadon kun nepra servo al la interna ideo de Esperanto, sed tamen granda nombro de ili neoficiale sentas ĝian neceson en la koroj.*

*Nun venis la tempo, kiam la Esperantistoj ne devas timi aŭ honti pro siaj belaj idealoj, sed kontraŭe aperigi ilin en ilia plena majesteco.*

*Oficiale la Esperantismo povas resti nur kiel pura lingva celo, neoficiale inter la Esperantistoj konfesantaj la internan ideon de Esperanto, ĝi povas esti ankaŭ repaciĝilo de l' homaro.*

*Ni Esperantistoj ne devas esti antaŭiĝitaj de aliaj, kiuj jam komencas la repaciĝan agadon inter la popoloj. Estus tre malĝoje, se ni, kiuj kantas en nia oficiala himno pri frateco, restus hodiaŭ surdaj por niaj idealoj!*

*Ĉu ni konsentas, ke la mondo nomu nin hipokrituloj?*

*Ni kredas, ke ne!*

*Tute instinkte kaj propravole revekiĝas la voĉoj de Esperantistoj, kiuj rememorigas al ni nian devon, kaj ni esperu, ke post kelkjara dormo ili resonos plenakorde, sed ne nur en la bela kanto, sed ankaŭ en ago!*

*La Esperantistoj devas la unuaj doni al la mondo ekzemplon, forviŝante el sia memoro tion, kion kaŭzis la terura milito kaj etendante la manojn al si reciproke, daŭrigi la interrompitan vojon al la sankta harmonio.*

*Sed tio, kio antaŭe sufiĉis en kanta formo, hodiaŭ, por ne esti iluzia, devas vestiĝi en agon.*

*Ĝis nun nian standardon ornamis nur espero. Hodiaŭ ĝi devas esti espero kaj ago, kaj efika ago dependas de la nombro de tiuj, kiuj promesos ĝin subteni.*

*Do rearigu, samideanoj, por kune labori kaj levu alten nian standardon kun la devizo „Per Esperanto al repaciĝo kaj konkordo".*[1]

*Varsovio, la 20 majo 1921.* *D-ro Leon Zamenhof.*
Str. Marnalkowska 125

[1] Sub tiu ci devizo fondiĝis jam kelkaj rondoj en Anglujo, Francujo kaj Polujo.

# XIII-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN PRAHA (Ĉeĥoslovakio)

**31 julio ĝis 6 aŭgusto 1921**



LANDA MUZEO

*Deka Komuniko*

**Honora Komitato** konstituiĝis el eminentaj ĉeĥosl. politikistoj, kulturaj laborantoj, artistoj kaj reprezentantoj de la ŝtataj oficoj.

**Delegitoj de naciaj esperantaj asocioj** aŭ organizaĵoj, kiuj salutos en solena malferma kunsido la XIII-an, estu baldaŭ komunikitaj al la Loka Kongresa Komitato.

**La programo** de la XIII-a kaj de la VII-a: Sabaton, 30 julio, vespere: Interkonatiga vespero en la kongresejo, Žofín.

Dimanĉon, 31 julio, matene: Kunveno de K. K. K. kaj kunsido de la Lingva Komitato en la Reprezenta domo; posttagmeze: Solena malferma kunsido de la XIII-a en la Reprezenta domo; vespere: Internacia koncerto en Žofín.

Lundon, 1 aŭgusto, matene: I-a Kunsido de UEA; posttagmeze: I-a Laborkunsido de la XIII-a; vespere: Akademio de ĉeĥosl. kant- kaj muzikarto en Reprezenta domo.

Mardon, 2 aŭgusto, matene: Fakaj kunvenoj en lernejoj; posttagmeze: Vizito de la malnova urbdomo kaj de la kastelo (eventuale daŭrigo de la fakaj kunvenoj); vespere: Internacia kostumbalo en Zofín.

Merkredon, 3 aŭgusto: II-a Laborkunsido de la XIII-a; posttagmeze: II-a Kunsido de la UEA.; vespere: Teatra prezentado „Nokto en Karlštein" en la teatro de Vinohrady.

Ĵaŭdon, 4 aŭgusto: Ekskurso al Moravia Kras. (eventuale al Karlův Týn).

Vendredon, 5 aŭgusto, matene: III-a Laborkunsido de UEA; posttagmeze: III-a Laborkunsido de la XIII-a; vespere: Internacia koncerto de blindaj kantistoj kaj virtuozoj en Žofín.

Sabaton, 6 aŭgusto, matene: Ferma kunsido de la XIII; posttagmeze: Kinoprezentado de la XIII-a.

Dimanĉon, 7 aŭgusto: Postkongresaj ekskursoj al: Fr. Lázně (Franzensbad), Kutná Hora, nordbohemaj urboj (aranĝ.: Ligo de germanaj Esperantistoj en Ĉeĥoslovakio), nordbohemaj mondbanlokoj (kuracista ekskurso), Tatry kaj Bratislava.

Ĉiuj laborkunsidoj de la XIII-a kaj UEA okazos en la kongresejo Zofín.

**Fakajn kunvenojn** organizas: por Kristanoj: S-ro Verner, Praha VII, Štrosmajerovo 2; por stenografistoj-aoranoj: S-ro Švingr, instruisto en Bukovsko 78, Ĉeĥoslovakio.

**Akceptejo** troviĝos en kongresejo sur la insulo Žofín, kie la alveturintaj kongresanoj ricevos loĝejkarton kaj ĉiujn dokumentojn kongresajn. En Žofín deĵoros vojaĝinformejo, monŝanĝejo, ŝtata poŝtoficejo por leteroj kaj telegramoj kaj pasportsekcio.

**Pasportrabato** por Ĉeĥoslovakio: 50 % laŭ decido de la ĉeĥoslovaka ministerio por eksterlandaj aferoj (22 V 21, N-ro 7155/21 fin.).

**Fervojrabato:** 50 % laŭ decido de la ĉeĥosl. fervojministerio (25 V 1921, N-ro 28,079/III) por unu vojaĝo al Praha kaj reen en ĉiuj klasoj de la persona kaj rapida vagonaro (en rapidvagonaro sole por la vojaĝo pli longa ol 150 km) al tiuj kongresanoj, kiuj posedos specialan de la Loka Kongresa Komitato eldonotan fervojlegitimacion, kiu rajtigos uzi la rabaton en la tempo de la 25 VII ĝis 15 VIII, kaj estos sendota sole al tiu, kiu sendos poŝtrevene 5 Kronojn ĉeĥosl. aŭ 1 fr. Frankon por impoŝtmarko kaj tiurilataj elspezoj. Ĉiu samfamiliano pagas por sia fervojlegitimacio aparte! La eksterlandanoj povas sendi la sumon ankaŭ en nealgluitaj kaj neuzitaj poŝtmarkoj. La fervojlegitimacioj estos sendotaj la 1 julio. *La saman rabaton donas la direkcio de la Buŝtehrada fervojo.*

**Aliĝiloj kaj kongreskartoj** estas al ĉiu aliĝinto kaj paginto senditaj. Kiu ne ricevis, sciigu pri tio la ĝeneralan sekretarion! Resendu responditan aliĝilon tuj al la ĝenerala sekretario! Al la novaj aliĝantoj estos aliĝilo kaj kongreskarto sendota poŝtrevene!

**Kotizaĵon** sendadu al la ĝenerala sekretario en rekomendita letero! Krom la en la VII-a, VIII-a kaj IX-a komunikoj menciitaj pagis la sekvantaj numeroj: 21, 22, 24, 25, 27—30, 33, 37—40, 45, 46, 54—56, 67—71, 74—78, 82, 85, 86, 90—93, 95—96, 101, 107—108, 112, 116, 118, 119, 129, 130, 133, 150, 155, 186—190, 192—194, 198, 201, 234, 285, 286, 292, 342—343, 464—465, 475—480, 499, 509, 512, 517, 538, 586, 603, 605—606, 692—700, 717—719, 738—817, 820—825, 828—829, 831—835, 840—853, 858—897, 899—902, 905—919, 921—925, 928—998, 1000—1025, 1039—1064, 1066—1090, 1092, 1094—1115, 1119—1173, 1177—1179, 1182, 1188—1189, 1197—1199, 1202—1220, 1223—1296, 1298—1302, 1307—1347, 1349—1351, 1354—1421, 1423—1452, 1454—1462, 1465—1489, 1491—1514, 1519—1563, 1566—1582, 1584—1586, 1588—1624, 1627—1633, 1635—1665, 1667, 1670—1678, 1680, 1687—1691.

**Aliĝoj:** *pli ol 1700!* — Ni tre bedaŭras, ke la manko de loko malebligas nian enpresi la nomaron, kiu jam preterpasis 1700 kongresanojn. — *(Red.)*

**Kongresaj dokumentoj kaj eldonaĵoj.** — Ĉiu alveninta kongresano ricevos en la akceptejo kongresinsignon, loĝejkarton, gvidlibron pri Praha kaj kongresan libron, enhavantan nomaron de la kongresanoj kaj gravajn prikongresajn informojn.

**Garantia fundo:** 27. S-ro Wit, Rotterdam, kaj 28. Esperantista Klubo en Ĉeĥosl. Budějovice po 100 K.; 29. S-ino Tiard, Parc-St. M., kaj 30. S-ro Tiard, Paris, po 200 K ; 31. S-ro Narita, Tokio 75 Fr.; 32. Baart de la Faille, Arnhem 100 K.; 33. S-ro Warden, Edinburgh 500 K.

**Donacoj.** — S-ro Holger Nansen 10 d. K.; F-ino Meyerhuber 10 M.; S-ro Batěk 25 K.; Sevenhuijsen 80 c.; Sergeant 10 K.; Esperantista klubo Prostějov 300 K.; F-ino Hamand 10 Dol.; Esp. societo „Estonteco", Hor. Růžodol 100 K.; S-ro Steinhauer 10 K. aŭstr.; S-ro Harna 13 K.; S-ro Kreuz 40 M.; Koivu 16.50 Fr.; S-ro Kurz 25 K.; Ivanovič 10 K.; Esperantistoj Nymburg 304 K.; Prof. Fuchs el Steinach donacis 100 siajn broŝurojn.

**Deponita mono.** — S-roj G. v. Heek, Narita, Elisondo, Ahlström, Applebaum, Megahy, Farnel, Jones, Silcox, F-inoj Westeyn, Beukema, S-roj Warden, Edwards, Blaise, Baart de la Faille, Kenedy, H. v. Heek, Coleman, Lühdeman.

**Komitato.** — Eksiĝis S-ro Hromada.

Por la Loka Kongresa Komitato:
*August Pitlik*, ĝenerala sekretario,
ĉefkomisario de la ĉeĥosl. komercministerio,
***Praha III,*** **Nerudova 40.**

# ANTAŬ- KAJ POSTKONGRESOJ

Pro la ĉijara granda nombro de antaŭ-, postkongresoj, vojaĝoj ni starigis jenan liston, kiu ebligos al la kongresanoj de la XIII-a antaŭprepari sian vojaĝplanon.

## Antaŭkongresoj

*Dresden:* 28—29 julio. Antaŭkongreso. Adreso: S-ro W. Ranft, Hauptstr. 38.

La kongreskarto rajtigas laŭ la decido de la germana registaro, *postuli 50 % da rabato ĉe la germanaj konsulejoj por la pasporta vizo.*

Mendu tuj vian kongreskarton, se vi pasos tra Dresden.

*Berlin:* 27 julio vespere. Esperanta Manifestado. Adreso: G. Mahn, Tristanstrasse 5, Berlin-Wannsee. — *Frankfurt:* 27 julio (vidu malsupre).

*Wien:* 28—30 julio. Antaŭkongreso. Adreso: S-ro H. Steinhauer, Böcklinstrasse 8, Wien II.

* * *

## XIII-a Universala Kongreso de Esperanto kaj VII-a Kongreso de UEA, *31 julio ĝis 6 aŭgusto*

Adreso: S-ro A. Pitlik, ĝenerala sekretario, Nerudova 40, Praha III, (Ĉeĥosl.)

* * *

## Postkongresoj, vojaĝoj

*Postvojaĝo* tra Ĉeĥoslovakio en bohemaj banlokoj Plzen, Marienbad, Eger, Franzensbad, Karlsbad, Joachimstal, Saaz, Teplitz, Leitmeritz, Elba Valo, Tetschen, Bodenbach kaj Reichenberg (Internacia Foiro 12—21 aŭgusto). Organizita de la Ligo de germanaj Esperantistoj en Ĉeĥoslovakio. Adreso: S-ro Fr. Beran, Langestrasse 23, Leitmeritz.

*Vojaĝo al Reichenberg.* Post la oficiala fermo de la kongreso, la partoprenantoj povos veturi tra la plej belaj partoj de Bohemio ĝis Reichenberg. Alveno en Reichenberg: 13 aŭguston vespere. Solena akcepto kaj komuna vespermanĝo. *La 14-an:* Matene je la 9-a kunveno antaŭ la urbdomo, piede tra la urbo en la metiomuzeo, je la 11-a kunsido en la festĉambrego de la palaco de la komerca kaj metia ĉambro; ĉi tie la gesamideanoj estos salutataj de la urbestro, de la foira estraro, industriistoj kaj aliaj reprezentantoj. Poste komuna tagmanĝo. *Posttagmeze:* Komuna vizito de la foiro. Je la 8-a vespere kunveno en „Volksgarten" (popolĝardeno), kie estos aranĝata festeno, koncerto, kantado, teatraĵo, k. t. p. — *La 15-an:* Antaŭtagmeze rondiro tra la urbo por rigardi la vidindaĵojn. *Posttagmeze:* Ekskurso al la monto Ješken. Ĉiuj Esperantistoj estas gentile invitataj veni al Reichenberg. *La germana Esperantista Grupo Reichenberg.*

*Postkongresa ekskurso* al la nordbohemaj banlokoj aranĝita de la T. E. K. A (speciale por kuracistoj). Adreso: D-ro A. Bischitzky, Mikulašaka 12, Praha.

*Postkongresa ekskurso al Bratislava.* — La Esperantistoj de Bratislava (Pressburg, Pozsony) aranĝas viziton de ilia urbo kaj de la tie okazonta Orienta-Foiro (6—16 aŭgusto). Karavano foriras el Praha la 6 aŭgusto. Petu informojn de S-ro E. Wanitsek, Bratislava, radnice.

*Budapest:* 9—10 aŭgusto. Postkongreso kaj IV-a Hungara Kongreso.

Kiu volas partopreni la Postkongreson en Budapest anoncu sin *jam nun* petante *loĝejon*, pli malkaran *ŝipbileton* kaj ordigu sian *pasporton* ankaŭ por Hungario. — Kiu volas partopreni la internacian koncerton kaj kabaredon, per ia programpunkto, bonvolu sin anonci, por antaŭe prepari la definitivan programon Cetere estas jam preta programo por ambaŭ vesperoj! La duan vesperon oni ludos teatraĵetojn! La karavano iros el Praha tra Bratislava (Pozsony, Pressburg) per komforta ŝipo inter la Danubaj montoj al Budapest! Uzu okazon viziti la ĉefurbon de Hungario. Vidu per propraj okuloj, ke en Budapest estas kultura vivo, moderna trafiko, kun emo al progreso kaj homara kunlaboro! Kotizaĵo: duono de la Praha! Prezoj malkaraj! Pri tuttaga programo zorgita! Adreso de Organiza Komitato: S-ro A. Laquer, Budapest VII., Király u. 57/II/2. (Glumarkoj kaj poŝtkartoj de la kongreso haveblaj ĉe Hung. Esp. Servo, Paŭlo Balkányi, Budapest VI, Hajos u. 15/II.)

*Vojaĝo al Graz* (Katolika Internacia Esp. Kongreso, 8—12 aŭgusto). Adreso: Karmeliterplatz 5, Graz (Aŭstrio). Vidu paĝon (15) 143.

*Vojaĝo al Trento* (VI-a Kongreso de Italaj Esp-istoj, 11—12 aŭgusto). Vojaĝo al Rovereto, Verona, Milano. Sekvos granda ekskurso tra Italio: Milano, Pisa, Roma (2 tagoj), Firenze, Venezia, Trieste. Adreso: Federazione Esperantista Italiana, Via Rossari 2, Milano.

Ni tre rekomendas al niaj legantoj ne prokrasti la sendon de la aliĝoj kaj la akiron de pasporto vizota de la konsuloj de ĉiuj trairotaj landoj.

* * *

## Al Praha per aeroplano

Nia vicdelegitino en Paris, F-ino G. Gérard, 9, rue d'Armaillé, XVII, komunikis al ni tre interesan cirkuleron, laŭ kiu la vojaĝo de Strassbourg al Praha kostas 350 fr. Fr., de Paris al Praha 500 fr. Fr. (6 horojn). Oni rajtas kunporti 15 kg. da pakaĵoj. Por informoj sin turni al F-ino G. Gérard.

## Karavanoj al la XIII-a

*Francio.* S-ro L. Poncet, nia Delegito en Lyon, aranĝas karavanon tra München. Sin turni al li por ĉiuj informoj. Aldoni respondkuponon.

*Usono.* La partoprenontaj usonaj samideanoj bonvolu tuj skribi al Novak & Stejskal, State Bank, 1817 S. Loomis Str., Chicago, Illinois, por aranĝo de komuna vojaĝo.

*Kongres-karavana Kunveno en Frankfurt a. M.* — Gesamideanojn kaj karavanojn el Nederlando, Francio, Hispanio, Portugalio, Belgio kaj Anglio travojaĝontaj Frankfurton ni invitas al kunveno aranĝota de ni *merkredon* 27 julio 1921.

La 27 kaj 28 julio ni aranĝos gvidadon tra la bela urbo Frankfurt.

Bona okazo por kunvojaĝo al la Dresdena Antaŭ-Kongreso aŭ rekte al Praha.

Pro detaloj oni skribu al S-ro C. Barthel, Frankfurt a. M., Wöhlerstrasse 14.

Kun samideana saluto

Loka Esperanto-Kartelo Frankfurt a. M.-Schwabenthal:

*C. Barthel.*

# KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri gravaj faktoj. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko" al nia Centra Oficejo, 12, Boulevard du Théâtre, Genève. Ni ne povas raporti pri tio, kion oni ne konigas al ni. Ni ne raportas pri tro malnovaj faktoj.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Aŭstrio.

La sam-anoj de Wien sin preparas por akcepti antaŭ kaj post la XIII$^{a}$ la trapasontajn kongresanojn. Avertu S-ron H. Steinhauer, Böcklinstr. 8, Wien II, pri via alveno.

## Britlando.

La jara konferenco de britaj komercvojaĝistoj akceptis jenan deziresprimon post klopodoj de S-ro V. Grimmit: „La Asocio insistu ĉe la fabrikantoj, kiuj komercas eksterlande, pri la neceso uzi la internacian lingvon Esperanto, ĉar tiu lingvo estas jam kapabla plenumi ĉiujn postulojn. La grupo de Burnley metis en la ĉefstacio emajlitan reklamon kun adreso de nia Del. Diservoj en Esp. okazas ĉiudimanĉe en London.

## Bulgario.

Tri kursoj en Plovdiv, unu en Loveĉ, kie fondiĝis fraŭlina grupo (adreso: F-ino Froska Stantcheva, ul. Vasil Levski 22). La grupo „Radio" en Haskovo renoviĝis. En Pleven estas vigla movado, la komercistoj monhelpis la propagandon per 100 Levoj.

## Ĉeĥoslovakio.

La movado en la lando de la XIII$^{a}$ Kongreso estas daŭre vigla. Fondiĝis grupoj en St. Joachimsthal, Lupeni, Stankovy kaj Letna. Kursoj malfermiĝis en Wolta (80 p.), Beroun (20 instruistoj), Plzeň (80 p.), Letna, Stupno (31 p.), Švihov (24 p.), Škornany (16 p.), St. Joachimsthal (42 p.), Lupeni kaj Wolta (80 p.). Esp. estas instruata en la burĝa lernejo kaj la Komerca Akademio de Beroun. Inĝ. Scholze kaj D-ro Bischitzky estis akceptataj kiel delegitoj de la Ligo de Germanaj Esp. Societoj ĉe la ministro por lernejaj aferoj. La ministro promesis subteni la movadon kaj la plenumon de la transdonitaj petoj.

## Danlando.

En Odense S-ro lernejestro Carlsen faras kurson al 20 p., el kiuj 14 ĉeestos la XIII$^{an}$ Kongreson. Tio estas rezultato de la X$^{a}$ jarkunveno okazinta Pentekoste en Odense. (Vidu raporton pri tiu kunveno ĉe p. 13. *Red.*)

## Estlando.

La Estona Esp. Unuiĝo havas 272 anojn. Partoprenas la kunvenoj 30—60 p. Okazis vesperfesto en Tallinn kun nur Esp. programo. 200 p. Profito 6000 E. Mk. Fondiĝis grupo en Orisaare.

## Finnlando.

Parolado de S-ro H. Hyyryläinen ĉe la societo de la oficistoj de Meteorologia Centra Instituto. Pli ol 30 gazetoj raportis lastatempe pri nia movado.

## Francio.[1]

La kongreso de la lernintoj en komerclernejoj, okazinta en Lyon, akceptis deziresprimon favoran al Esp., laŭ raporto prezentita de S-ro Drudin La komercaj ĉambroj de Calais, St-Omer, Moulins, Grenoble, Mâcon aliĝis al la decido de la Pariza Komerca Ĉambro. La du Esp. kioskoj de la Pariza Foiro, gviditaj de F-ino Gérard kaj S-ro Herlemont havis grandan sukceson: vendiĝis multaj lernolibroj. Novaj kursoj en Marseille, Troyes, St-Ouen, Rive-de-Gier, k. t. p.

[1] *Neintencita statistiko.* 30 francaj delegitoj plenigis la statistikan demandaron, kiun UEA sendis al ili pri administraj aferoj. 15 uzas *Francio*, 6 uzas *Francujo*, 4 uzas *Franclando*, kaj eble pro neŭtraleco 5 uzas *France!*

## Germanio.

En Werdau (Saksio) Esp. estis enkondukata en la lernejoj laŭvole. 150 infanoj lernas ĝin. La grupo de Plauen faris interesan statistikon, laŭ kiu dum la lastaj jaroj ĝi okazigis 20 kursojn por 444 plenkreskuloj kaj 24 kursojn por 706 infanoj. Novaj grupoj en Husum kaj Traunstein. Festetoj, paroladoj okazis en Wilhelmshaven, Gümmersbach, Hamburg.

## Hispanio.

Vigla movado en Huesca, kie la urbestro kaj komerca ĉambro tre favoras nian lingvon. Parolado de S-ro Artigas. Nia Del., S-ro R. Maraury, multe propagandas. En Terrassa okazas kurso al 25 infanoj. La movado revigliĝis en Santander. La grupo reelektis: S-ro L. Andueza, prez.; S-ro Serapio Elvira, sekr.

*Dua Diskuta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj landoj.* Zaragoza (Hispanio), 26—29 majo 1921. — Grandegan sukceson atingis tiu-ĉi kunveno.

Zaragoza ricevis la multenombrajn kunvenantojn plenentuziasme kaj la Urbestro Sinjoro Ballarin salutis ilin je la nomo de la urbestraro, esprimante la ĝojon de la Urbo akcepti ilin.

En prepara kunsido estis unuanime elektita Prezidanto de la kunveno la famkonata advokato D-ro Manuel Meynar Barnolas, Prezidanto de Aragona Esperantista Federacio kaj Delegito de UEA en Zaragoza. Estis ankaŭ nomitaj Honoraj Komitatanoj S-ro Rocamora, kiu jam prezidis la Unua Kunveno, kaj S-ro Bartel, kiu reprezentis en la Kunveno la stiriajn Esperantistojn.

En laboraj kunsidoj estis aprobitaj gravegaj decidoj, post interesaj diskutadoj, en kiuj partoprenis S-roj Gili, Prezidanto de Kataluna Esperantista Federacio, Allende, de la Vaska, Luna, de la Zamenhofa, Anguita, de la Andaluza, Pinó, de la Valencia, k. t. p.

La 27-an vespere la kunvenanoj faris gajan ekskurson al bela monto „Cabezo de Buena Vista".

La 28-an vespere ili vizitis la artan Palacon de Muzeoj, kie ili rigardadis la mirindaĵojn de aragona arto kaj la jus malfermitan Esperantan ekspozicion.

Okaze de la Kunveno faris interesegajn paroladojn S-roj Julio Mangada Rosenörn, infanteria komandanto el Jaca, Miĥaelo Sancho Izquierdo, Profesoro de Juro ĉe la Zaragoza Universitato, kaj Rómulo S. Rocamora, verkisto kaj supera instruisto el Barcelona.

La 29-an okazis Solena Ferma Kunsido, prezidita de la eminenta Rektoro de la Zaragoza Universitato kaj Senatano Ricardo Royo Villanova, en kiu paroladis S-roj Maynar, Mangada, Rocamora, Allende kaj Royo Villanova, kiu promesis sian helpon al Esperanto en la Supera Ĉambrego de Parlamento.

La venontan jaron okazos Unua Iberia Kongreso en El Pardo (Madrid, Hispanio).

## Hungario.

La sam-anoj de Budapest preparas sian postkongreson. Ili ludos la teatraĵon „La paĝio" de Jenö Holtai, traduko de K. Kalocsay. Kursoj en Gyöngyös, Pecs kaj Miskolc, kie multaj membroj de la turista societo „Edelweiss" lernas Esp. La grupo de Pecs restariĝis; prez. J. Lajos, sekr. A. Tóth.

## Italio.

S-ro Prof. Alberto Alessio malfermis kurson en Torino laŭ iniciato de la Esp. Fervojista Unuiĝo. La Laborista Esp. Grupo en Ĝenova festis sian fondiĝon kaj inaŭguris flagon.

## Litovio.

En Ŝiauliai sam-ano Gaigalas aranĝis propagandan festeton, kiun ĉeestis 100 p.

## Nederlando.

La Direktoro de la Haga Tramasocio decidis donaci 25 guldenojn al tiuj el la hagaj tramistoj, kiuj sukcese partoprenis la Esp.-ekzamenon. Jen pruvo, ke la direkcioj de gravaj entreprenoj pli kaj pli konvinkiĝas pri la utilo kaj neceso de Esp. Afable sendu gratulon al la Direktoro de tiu progresema asocio: S-ro A. W. E. Weyerman, dir. de la H. T. M., 23a Bezuidenhout, den Haag.

## Pollando.

La grupo de Poznan (Posen) kaj la societo „Laboro" en Warszawa restariĝis. Kursoj en Siedlce, Poznan, Olkusz, Inowrocław, Warszawa. Multaj gazetoj presas pri Esp. „Esperanto-Triumfonta" estas ponumere vendebla ĉe la kioskoj de pluraj urboj. Esp. estas nedevige enkondukata en la gimnazion de Zakopane, kaj oni restarigas la iaman „Pola Esperanta Societo".

## Rumanio.

Kursoj en Gherla, Kezdivasarhely, Timiŝoara. Paroladoj en Arad (D-ro Fanta) kaj Timiŝoara (S-ro Bambach).

## Ruslando.

Ni ricevis senpere dekon da komunikaĵoj el ĉiuj landpartoj de Ruslando. La poŝtrilatoj kun tiu vastega teritorio estas ĝis nun oficiale restarigitaj nur en kelkaj landoj (Germanio, Britlando, Baltaj Ŝtatoj). Ni petis de la svisa poŝtestraro komunikon pri la nunaj poŝtrilatoj inter Svislando kaj Ruslando, por ke ni povu laŭeble respondi al niaj sam-anoj. Jen la komuniko: oni akceptas en Svislando por Ruslando nur ordinarajn, nerekomenditajn poŝtaĵojn sen garantio rilate ilia alveno. Oficiale la poŝtrilatoj ne estas restarigitaj. S-ro Devjatnin instruas Esp. ĉe la Universitato de Moskvo. En Odessa la grupo propagandas kaj ekzistas oficiala organizaĵo por Esp. ĉe la Gubernia Kultur-Klerado Institucio. Ni ricevis jenan leteron de S-ro J. Sosnovikov, Sovetskaja 128, Sarapulo, Perma gub. „Inter multaj diversaj malsatoj ni havas grandegan malsaton je papero. Se vi havas eblon presi por ni rusajn lernolibrojn kaj vortarojn, presu kaj sendu laŭ adresoj de Esp. societoj en diversaj urboj de Ruslando.

## Svedlando.

Kurso de S-ro A. K. Örn en Gävle al bontemplanoj, 12 p.

## Svislando. [1]

Post klopodoj de S-ro Jost la instrua komitato de la popolsocialista unuiĝo „Grütliverein" en Zürich envicigis la instruon de Esp. en sian programon. S-ro Unger parolis dum 6 vesperoj ĉe la unuiĝo de ŝtatoficistoj pri la mondlingva problemo. Propagando en Cernier (S-ro Perrenoud), Renens (S-ro Lalot), Montreux (vizito de la grupo de Lausanne). La grupo de Genève faris sukcesan ekskurson al Signal de Bougy, 33 p.

## Ameriko.

Granda festo okazis en Detroit (Michigan) okaze de la 59a naskotago de nia Del., D-ro Tobias Sigel. En Montevideo (Uruguay) la grupo organizis Zamenhofvesperon kaj 3 sukcesajn kursojn. Gvidas S-roj H. Legrand, A. Zorilla de San Martin, J. Isabelino Anselmo.

## Aŭstralio.

En Mount Albert (Vic.) la grupo faras grandajn progresojn. Gvidas F-ino E. A. Sinnotte.

## Azio.

Jen ciferoj, kiuj montras la progreson de nia movado en Azio; la Japana Esp.-Asocio havis jenajn nombrojn de membroj en aŭgusto de jenaj jaroj: 1916 = 180 m.; 1918 = 240 m.; 1919 = 400 m. En marto 1921 = pli ol 650 m. En Ĉita (Siberio) la nacia kunveno diskutis demandon pri enkonduko de Esp. en la mezlernejojn de Orienta Siberio; la propono ne estis akceptita kiel deviga sed nur kiel nedeviga instruo por ĉiu mezlernejo de la regiono. En Vladivostok (Siberio) malfermiĝis 2 kursoj en urbaj lernejoj kaj tria por poŝtoficistoj (40 p.).

*R. Richez.*

[1] Nia redaktejo ricevis alvokon de S-roj Rollet de l'Isle, Warden kaj Witteryck, prezidantoj de la franca, brita kaj belga Esp. societoj, kiuj proponas ĝeneralan anstataŭon de -ujo per -lando por fini la diskuton pri landnomoj. Por respondi al ilia paciga bonintenco kaj al la propono de D-ro Privat al la Akademio (vidu „Esperanto", junio) mi profitas la liberecon lasatan al ĉiuj kunlaborantoj de tiu ĉi gazeto por uzi -lando en ĉiuj landnomoj, kiuj ne havas jam pli simplan internacian formon. Tion mi volonte faras por helpi al unueco, kvankam mi preferas la Hodleran ĝeneraligon de -io. Vortoj kiel Ĉeĥoslovaklando aŭ Rumanlando restas kompreneble tute ne uzeblaj pro troa longeco, dum Rumanio kaj Ĉeĥoslovakio estas absolute internaciaj kaj fundamentaj radikoj (laŭ Zamenhofa § 15).

*R. Richez,* Redaktoro de la Kroniko kaj Anoncoj.

---

Lastmomente nin atingis la informo pri la morto de **S-ro Antoni Grabowski,** okazinta en Varsovio la 4 julio. La foririnto, amiko de nia Majstro, estis unu el la plej bonaj Esperantistaj verkistoj, Direktoro de la gramatika sekcio de la Akademio, Honora Prezidanto de la Pola Esp. Societo, k. t. p. Biografio sekvos.

# TRA LA LIBRARO

**English-Esperanto Dictionary** de *Fleming Fulcher* and *Bernard Long*, eldonita de Marlborough & Co., 51, Old Bailey, London E C 4, 1921. Bele bindita, 350 paĝoj. Prezo: 7½ ŝilingoj.

Tiu plena kaj detala vortaro angla-esperanta estas lernoplena verko, ne nur pri nia lingvo, sed ankaŭ pri la angla. Ambaŭ science kaj praktike aranĝita, ĝi donas precizan Esp. tradukon de ĉiuj anglaj vortoj, ripetitaj tiomfoje, kiom necesigas iliaj diversaj sencoj. Ekzemple sur paĝo 132 ni trovas:

**hard** (difficult) *adj.* mal'facila
**hard** (firm) *adj.* firma
**hard** (not soft) *adj.* mal'mola
**hard** (severe) *adj.* severa
**hard** (strong) *adj.* forta
**hard** (unfeeling) *adj.* sen'senta
**hard** (with energy) *adv.* forte
**hard by,** tuj apude
**hard upon** (close upon) tuj post k. t. p.

Tio estas multe pli saĝa metodo ol la kunmeto de diversaj formoj unu apud la alia, lasante la leganton konfuze diveni, kiun li devus elekti.

La pleneco de la vortaro montras la jam grandan riĉecon de nia lingvo. Ankaŭ ĝi valorigas ĝian vivantecon, eĉ kiam tio devigas al apudprezento de du malsamaj konkurantaj radikoj. La uzado baldaŭ venkigos unu. Rimarkindan liston de propraj nomoj oni trovas ĉe la fino. Pri la landnomoj la aŭtoroj klarigas en sia antaŭparolo: „Oni rimarkos, ke ofte du elekteblaj formoj estas apude montritaj, unu farita uzante la sufikson *-ujo* kaj la alia estante sendependa vorto finiĝanta per *-io* (Italujo, Italio). Multaj el la formoj finiĝantaj per *-io* tre disvastiĝis en uzado, kaj tial la aŭtoroj opiniis dezirinde enmeti ilin en la vortaro, ne esprimante ian opinion ĉu ili estas aŭ ne superaj al la kunmetitaj formoj. La aŭtoroj ne opinias necese aŭ dezirinde konsideri la finiĝon *-io* kiel nova sufikso (kiel kelkaj ĝin proponis), kaj ili rigardas tiajn formojn kiel ordinarajn neologismojn bazitajn ĉefe sur latinaj aŭ aliaj internaciaj nomoj kiel *Anglia, Italia, Hispania* aŭ analogie formitaj laŭ tiaj nomoj. La uzo de tiuj formoj estas nur afero de persona prefero, kaj se hezitantaj studantoj ne scias kiun formon uzi, ni konsilas, ke ili uzu la malnovajn nomojn kun la sufikso *-ujo*."

Jen vera scienca vidpunkto, kiu montras la saĝan metodon de la verkintoj, entute senpartiaj, prudentaj, respektemaj al la vivo de la lingvo.

Ankaŭ en la fino troviĝas listo de neologismoj proponitaj de la aŭtoroj, por traduki anglajn vortojn per internaciaj radikoj. Tiu cent-kvindeko da novaj vortoj estas iom longa listo, kaj ne ĉiuj ŝajnas al ni nepre necesaj, sed ni ŝatas la lojalan sistemon de la aŭtoroj, kiuj ne nur montris ilin per speciala distinga signo en la vortaro, sed poste listigis ilin kun klarigo kaj pravigo montrante diverslingvajn radikojn. Malpli diskretaj vortaristoj simple trudus ilin al la publiko.

Enkonduki literaturajn vortojn kiel *paŭti* aŭ *popurio* estas laŭvola tasko de verkistoj, ne de vortaristoj, kiuj devus nur konstati la jam uzitajn neologismojn. Pri teknikaj esprimoj kiel *tanko, orli, nugato,* estas alia afero, kaj vortaristoj rajtas iniciati. Se Britoj proponas *sovrenon* kaj Francoj *luidoron*, ĉu cent aliaj nacioj ne baldaŭ proponos ankoraŭ alian vorton por ora monero? Ni atentu la riskon kaj estu iom pli severaj kontraŭ neologismoj.

La nova angla vortaro estas gravega verko, kaj ni gratulas eldoniston kaj aŭtorojn pri ĝia klara kaj trafa prezento. Ĝi honoras ne nur ilin, sed nian lingvon. — *Edm. P.*

**La urbo de Belega Sensencaĵo,** de *E. Temple Thurston*, Esperantigis kun permeso de l' aŭtoro *R. Spero*, Pretoria (Sud-Afriko). Eldonejo Ludwig Fries, Leipzig. 240 paĝoj, 13×20 cm. Prezo bindita: 18 M. + 20 %.

Kial verkoj estas Esperantigitaj dum aliaj pli gravaj aŭ pli valoraj restos longtempe ne koneblaj per nia lingvo, tio estas problemo, kiun mi ne volas solvi. Pri gustoj oni disputi ne devas. Sed mi vere opinias, ke la angla literaturo enhavas multe da verkoj pli diskonigindaj ol la romano nun priparolata. Ĝi ne estas malbona, sed meza, ne ĉefa. Ĝi estas abunda je flankaĵoj, je dubaj komparoj, nelertaj simbolaĵoj, je iom infanaj pripensoj, je moraligaj konsiloj; ĉiumomente la aŭtoro interrompas la rakonton por ĝin juĝi, por antaŭanonci la okazontaĵojn aŭ esprimi propran opinion pri la agoj de l' personoj. Sume, la historio aperas kiel iom malnovmoda, bone finiĝanta, kaj al junulinoj precipe dediĉata. Sed eble multnombraj ŝatantoj troviĝas por tiaj romanoj, kaj estus maljuste preterlasi ĝiajn kvalitojn. Ĝia esenco estas poezia, altideala; ĝi celas montri, ke spirito, fantazio ludas gravan rolon en la vivo, ke per potenco de l' imago kaj de l' volo oni povas superi la malfacilaĵojn, iel estri la naturajn fortojn aŭ malpli dependi de ili. Ĝia legado estas agrabla, alloga, interesa pro diversaj originalaj priskriboj, atentinda pro la disvolviĝo de l' sentoj ĉe la personoj, inciteta pro la multaj neordinaraj okazoj. La legontoj plezure enpense kunvivos kun Johano Grey; tiu neriĉa verkisto konatiĝas en preĝejo kun bonklasa fraŭlino; ili havas rendevuojn en Londona parko, kie la junulo legas siajn verkojn al la amatino; ŝiaj gepatroj, perdinte monon, volas edzinigi ŝin je troaĝa familia amiko; liaj gepatroj loĝas en Venezio; tie la gejunuloj denove renkontiĝas kaj vidigas sian reciprokan amon. Reveninte Londonon, dezirante ne ĉagreni siajn gepatrojn, iom iluziiĝante mem, Johano leterare rakontas pri sia amo, pri imagita edziĝo kaj feliĉa edzeco, ĝis la mortonta patro lin alvokas. Kiel ne maltrompi lin? Feliĉe la amatino komprenas, ke sia amo justigas malobeon al la gepatra deziro kaj ĉe la mortlito promeso de kunvivado igas la sensencaĵon realaĵo.

Laŭ ekstera aspekto, tiu multkolore kartonita volumo plaĉas; la preso estas bona, la enhavo ampleksa. Malfeliĉe restis sufiĉe da preseraroj: „diverso" por „diservo", „finanĉiĝo" por „fianĉiĝo", „g" por „ĝ" kaj inverse, „n" aŭ „j" mankas aŭ troas. La stilo estas ĝenerale viva kaj klara, sed troviĝas tamen vortoj kaj frazoj malfacile kompreneblaj. La vorto „romanco", tiel ofte uzata, ŝajnas ne bona en senco de „romaneco"; la esprimo „ne signifas" ne estas uzebla anstataŭ „ne grave"; „kanoni" signifis ĝis nun pafi per kanono, kaj por la eklezia senco oni uzis „kanonigi-izi"; „denombri" ne diras pli ol „nombri", „okaziĝi" ne pli ol „okazi", nek „sukcesiĝi" pli ol „sukcesi"; „ĵus" estas uzata por „ĝuste"; la uzado de „si" kaj de „sia" estas tro ofte forgesata aŭ erara; participa adverbo anstataŭ adjektivo donas kontraŭsencaĵon, k. t. p., k. t. p. Estus sufiĉe longa laboro korekti ĉiel la tutan verkon, ĉar la kelkaj ĵus ĉititaj difektekzemploj estas elĉerpitaj nur el la unuaj ĉapitroj. Oni iom malĝojas vidante, ke samideano certe laborema kaj entuziasma tro frue presigis verkon, kies mankojn li poste kaj pliperfektiĝinte ĉagrene konscios. — *G. S.*

**Interesa Novelaro** de *Fratoj Fethke*. Tradukis — eldonis — presis Fratoj Fethke, Oppeln, Ring 11, Supra Silezio. 36 paĝoj 12×17 cm. Prezo: por Germanio kaj malbonvalutaj landoj: 3 Mk. germ.; por ceteraj: 4 M.; internacie: 3 respondkuponoj.

Sep prozaĵoj tradukitaj el diverslingvaj aŭtoroj formas tiun kolekton. Noveloj, ili propre ne estas, pro temo kaj mallongo, sed prefere rakontoj. La tradukintoj celis doni legaĵon kun facila internacia stilo kaj kun vera konstanta intereso. Ili tion sukcesis, kaj la 7 rakontoj estas tre originalaj kaj plezure legataj; la stilo kaj vortkolekto ankaŭ estas laŭdindaj. Kelkaj detalaĵoj estus tamen kritikindaj; el ili mi nur citos la ofte uzatan vorton, „agiĝi" en: „agiĝas pri malsanulo, agiĝas pri romano, agiĝas pri mia vivo". Se tute trafa esprimo eble mankas, ŝajnas ke: „temas, rilatas, koncernas, la demando estas" ... aŭ alia parolturno estus preferinda ol „agiĝas". — *G. S.*

**La abonantoj ne ricevintaj la cirkuleron, aldonintan al nia lasta N-ro, bonvolu ĝin peti de D-ro J. Rieger, politeknika skola, Brno, Ĉeĥoslovakio.**

## TRA LA GAZETARO

.·. *„Lingvo Internacia"* (aŭg. 1914—dez. 1920) entenas bedaŭrindajn malkorektaĵojn de D-ro Corret pri UEA kaj ĝia gazeto, interalie:

*„Esperanto,* kies gvidanto fariĝis S-ro Privat, ne sole iniciatis la uzadon de la kontraŭ-Fund amenta sufikso-*io* por landnomoj, sed ankaŭ nun volonte presas pri forigo aŭ limigo de la akuzativo, pri starigode speciala gazeto por studi reformojn, k. t. p." Estas necese korekti tute amike:

1° La gvidadon de *Esperanto* mi akceptis post la morto de H. Hodler, unu jaron kaj duono post lia iniciato pri landnomoj. La vorton „redaktoro" mi forigis ĝuste ĉar mi volis nek submetiĝi mem al la hodlera tradicio pri tiu lingva uzado, nek akcepti respondecon por artikoloj ne verkitaj de mi. Laŭ art. 41 de UEA statuto pri redaktora kompetenteco, mi nur akceptis respekti la liberecon de aliaj.

2° Neniam tiu ĉi gazeto proponis forigon aŭ eĉ limigon de l' Akuzativo. Al la argumentoj de Prof. Meillet pri tio ni respondis klare. Ĉar, el 100 ricevitaj manuskriptoj, almenaŭ 85 entenas troajn akuzativojn (malkorektajn), ni emas al sekvado de Zamenhofa konsilo: en okazo de dubo pli bone uzi ĝin tro malofte ol tro ofte. En mia „Vivo de Zamenhof", iom akre kritikita de D-ro Corret kvankam ĉiam troviĝas *-u/o* tie, mi skribis „prenante krajonon en la man*o*" kaj „metu la nomon homo super la naci*aj*", eĉ „anoncante polan lingvon kiel si*a*". Zamenhof mem skribis „la ceteron ili rigardu kiel aldon*oj*". Nek la kuratoroj de B. E. A., S-roj Warden, Pollen, Chatterton, Merchant, legante la manuskripton, nek mi mem ĝin eĉ rimarkis. Nun, studinte la kulpigitajn frazojn, mi ankoraŭ preferus ne meti tie senutilan *-n*, gramatike defendeblan, kiu nur estus balasto. D-ro Corret, mia samakademiano, bonvolu afable lasi min libera (kaj libera*n*).

3° Ni tute ne „volonte presas pri gazeto por studi reformojn". Ekzemple pri la „Vojo" de D-ro de Saussure ni eĉ ankoraŭ ne recenzis, kaj ni tute ne kredas je artifika „evoluigo" de nia lingvo. La propono de Prof. Meillet, kiun mi opinias laŭscienca, sed malfacile praktika, estis starigo de diverslingva revuo, por lingvistoj, ne „por studi reformojn", sed por ekzameni la ĉefajn proponojn de mondlingvo, ankaŭ la anglan kaj francan. Tie Esperantistoj skribus en Zamenhofa Esperanto por rebati kritikojn kaj montri, kial ili preferas nian lingvon, kiu prezentas la veran solvon de la problemo pro sia sperto kaj vivo. Ĉu D-ro Zamenhof estis volapukisto ĉar li petis la Bulonjan Kongreson stariĝi por honori la memoron de Schleyer? Ni estu iom grandanimaj kaj ne timu lumon. Nur per ĝi ni venkos.

Fondita en 1907 ĝuste por savi la Esperantistaron de reforma malsanemo, UEA neniel povas meriti suspekton pri iaj ajn lingvaj intencoj. Kontraŭe ĝia rolo mem igas ĝin devige multe pli fidela ol nuraj propagandistoj, ĉar ĝi konstante uzas la lingvon anstataŭ paroli pri ĝi. Tial ankaŭ ĝi pli bone konas ties vivon, kiun tiel trafe komparis Zamenhof al tiu de l' arboj: „Iom post iom konstante aperas novaj vortoj kaj formoj, unuj fortiĝas, aliaj ĉesas esti uzataj. Ĉio fariĝas kviete, senskue kaj eĉ nerimarkeble." (Parolado Dresdena 1908.)

*Edm. P.*

* * *

.·. *„Germana Esperantisto"* (aprilo) donas jenan informon:

„La Danziga Esperanto-Asocio jam nun atentigas pri sia intenco okazigi la 14-an universalan kongreson en la libera urbo Danzig. La tieaj Esperantistoj opinias, ke komencante jam nun grandmezure propagandi por la kongreso, oni povos esperi, ke multaj Esperantistoj vizitos la 14-an kongreson en Danzig."

.·. Aliaj gazetoj ricevitaj: *„La Espero"* (aprilo-majo); *„Le Monde Espérantiste"* (marto-aprilo); *„Verda Utopio"* (marto); *„Hispana Esperantisto"* (aprilo); *„Esperanto Triumfonta"*; *„Nederland-Esperanto"* (3 marto—28 aprilo); *„La Verda Ombro"* (marto); *„Espero Katolika"* (majo); *„Esperanto-Praktiko"* (majo); *„The British Esperantist"* (majo); *„Belga Esperantisto"* (majo); *„La Holanda Pioniro"* (majo); *„Esperanta Finnlando"* (majo); *„La Laborista Esperantisto"* (junio); *„L'Esperanto"* (marto); *„Nova Tempo"* (Wien); *„Itala Esperantisto"* (15 majo); *„Hungara Esperantisto"* (majo); *„Kataluna Esperantisto"* (junio); *„La Unuigita Tuthomaro"* (junio); *„La Esperantisto"* (majo).

.·. Ni ricevis jenajn gazetojn, kiuj enhavas artikolon pri Esperanto aŭ UEA: *„Minaret"* (Tauris, Persio); *„La Suisse"* (Genève); *„La Provincia"* (Las Palmas); *„A Opiniao Publica"* (Pelotas, Brazilio); *„O Rebate"* (Pelotas); *„Diaro Popular"* (Pelotas); *„Eugenia"* (Barcelona); *„Revue Suisse d'Echecs"* (Basel); *„Lyon Républicain"*; *„Auckland Labour News"*; *„Duisburger Volkszeitung"*; *„The Boy Scout Trail"* (Topeka); *„München - Augsburger Abendzeitung"*; *„L'Humanité"* (Paris); *„La Paix et le Droit"* (Paris); *„Journal du Loiret"* (Orléans); *„Volkszeitung"* (Bromberg); *„La Vanguardia"* (Barcelona); *„Leitmeritzer Zeitung"*; *„O Sociocrata"* (Paranagua, Brazilo); *„Le Phare du Pas-de-Calais"*; *„La Patrje Ladine"* (Bologna); *„Esperanta Ligilo"* (Stockholm); *„Dziennik Kujawski"* (Inowroclav); *„La Sud-Est"* (Lyon); *„Die Neue Zeit"* (Graz).

.·. Traduko de niaj artikoloj: „Kien ĝin meti"; „Ĉaso je krokodiloj"; aperis en *„Kaleva"*, Oulu (Finnlando). *R. R.*




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Membro: *5 Fr. svisaj.* **Aŭstrio:** *50 Kr.* **Baltaj ŝtatoj:** *16 Germ. Mk.* **Belgio:** *8 Fr.* **Britio:** *4 Sh.* **Bulgario:** *20 Lev.* **Ĉeĥoslovakio:** *18 Kr.* **Danio:** *5 Kr.* **Finnlando:** *18 Mk.* **Francio:** *8 Fr.* **Germanio:** *16 Mk.* **Hispanio:** *5 Pes.* **Hungario:** *50 Kr.* **Jugoslavio:** *25 Kr.* **Italio:** *10 L.* **Nederlando:** *2.50 Guld.* **Norvegio:** *5 Kr.* **Polio:** *50 P. Mk.* **Rumanio:** *20 Leo.* **Svedio:** *4 Kr.* **Usono:** *1 Dol.*

Membro-Abonanto, *ricevanta la gazeton: 12.50 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.)*

Membro-Subtenanto, *ricevanta la gazeton: 25 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 5.)*

Membro Dumviva *(kun la gazeto kaj ĉiuj oficialaj dokumentoj): 300 Fr svisaj. (Partopagoj trijare po 100 Fr.)*

Entrepreno de UEA *(komercaj firmoj, societoj k. t. p.): 12.50 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.) La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro, ĝuas 10% da rabato por anoncoj en la jarlibro kaj rajtas uzi la servon de informpetado.*

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

**7a Kongreso de Universala Esperanto-Asocio en Praha, 31 julio ĝis 6 aŭgusto 1921. — Dank' al aranĝo kun la Loka Komitato, la 7a Kongreso de UEA okazos samtempe kiel la ĝenerala. Por gajni tempon nia Asocio rezignas je speciala malferma kunveno. Kiel en Hago, reprezentanto de UEA parolos dum la ĝenerala malfermo.**

**Laboraj kunsidoj: Lundon, 1 aŭgusto, je la 9a; merkredon, 3 aŭgusto, je la 14½ au la 15a kaj, se necese, vendredon, 5 aŭgusto, je la 9a, ĉiuj en la kongresejo Ĵofin.**

**Traktotaĵoj: Jara raporto kaj diversaj proponoj.**

**Ĉiuj Kongresanoj estas invitataj ĉeesti la kunvenojn de UEA kaj ricevas la kongresan raporton. Voĉdonrajton nur havas la membroj. Ili ne forgesu alporti sian membrokarton.**

**Laŭ la statuto, la Kongresoj de UEA aprobas aŭ malaprobas la raportojn kaj decidas pri la proponoj en formo de dezir esprimoj al la Komitato.**

**Komisiono de UEA.** — Dum la kunvenoj de kelkaj naciaj societoj estis priparolita la uzado de „io" por landnomoj, kaj nia Asocio ricevis aron da leteroj por kaj kontraŭ tiu novaĵo. Ĉar montriĝis la opinio, ke la estraro de UEA intencas altrudi tiun kutimon al la Esperantistoj, la Komisiono juĝas utile deklari la jenon:

*a)* Ĝeneraligo de landnoma finiĝo „io" estis proponita de nia karmemora Prezidanto H. Hodler kaj poste uzita en la gazeto kaj la presaĵoj de la Centra Oficejo. En la nova statuto kaj sur la oficiala leterpapero troviĝas la formo: „Svislando". — Konante la fortajn motivojn teoriajn kaj praktikajn, kiujn S-ro Hodler valorigis por sia provo, la antaŭa Komitato kiel la nuna Komisiono ne vidis neceson sin okupi pri ĝi.

*b)* La unua celo de UEA estas disvastigi la lingvon Esperanto, tia kia ĝi estas difinita per sia literatura kaj teknika verkaro. La estraro de UEA ne havas oficialan lingvan opinion, nek deziras sin okupi pri lingvaj aferoj. Tre kontentaj ni ĉiuj ja estus, se tempo kaj rimedoj permesus plenumi niajn taskojn tiom bone, kiom ni

deziras. — Aliflanke ni malakceptas la diferencigon inter „per- kaj por-Esperantistoj", kun la ne malofta sugesto, ke la praktikuloj sin detenu je opinio pri lingvaj problemoj. Personoj, kiuj, kun la nura tendenco progresigi la movadon, uzas la lingvon ĉiutage por diversaj celoj, kiuj ofte estas devigataj mem konstrui vortojn pro la manko de teknikaj vortaroj, tiuj personoj povas postuli seriozan konsideron de siaj spertoj.

*c)* Multaj korespondaĵoj montras, ke la skribintoj ŝatas persone la novan formon, sed timas vekigi per ĝia uzado malpacon inter nia anaro. La Komisiono konstatas kun granda bedaŭro, ke tia danĝero povus ekstari, se daŭrus la asertoj, ke nia Asocio favoras malfidelecon al la Majstro. Ni atentigas: 1e ke la Akademio mem rekonas la neceson de evoluado de la lingvo, kaj nenie montris kiel ĝi povas fariĝi alimaniere, ol per praktikaj provoj; 2e ke la Lingva Komitato nur rajtas oficialigi tion, kio estis ĝenerale uzita, tial estas necese sufiĉe longe provadi; 3e ke en letero al la „Internacia Komerca Revuo" (N-ro de majo 1921) la Prezidanto de la Akademio, S-ro Prof. Th. Cart, mem skribis: „oni rajtas diri internacie Germanio, Italio kaj ne povas nei, ke la rajton vi havas laŭ art. 15 (de la Zamenhofa Fundamento), sed ne Svisio, Anglio, k. t. p., kiuj estas nek internaciaj nek pravigeblaj".[1] Neniun riproĉon meritas do tiuj membroj, kiuj uzas sian bonan rajton Esperantistan kaj agas laŭ la konsilo de Rektoro Boirac, „ke apartenas al la publiko, se ĝi deziras, ekprovi tiujn novajn formojn, ilin eksperimenti, kaj konstante uzi, se ĝi trovas ilin praktikaj".

*d)* Konstatante, ke la propono de S-ro Hodler ne estas kontraŭesperantista, ke ĝi trovis favoran akcepton ĉe multaj membroj, kaj ke parto el ili konsideras ĝin kiel provŝtono de la esperantista libereco, la Komisiono ne havas kaŭzon malpermesi nuntempe ĝian uzadon. Povas eĉ esti utila la plia provado de tiu formo, ĝis klariĝos pli nete la opinio de la plimulto. Danĝero por la movado ne ekzistas, se la anoj de ambaŭ formoj rilatos kun la respekto ŝuldita al ĉiu honesta konvinko, kaj restos konsciaj pri la ideoj multe pli gravaj, kiuj ilin unuigas. En tiu senco la Komisiono konfirmas la ĝisnunan kutimon, ke la gazeto „Esperanto" presigu fidele ambaŭ formojn, kiel ili staras en la manuskriptoj de la korespondantoj. Ankaŭ ĝi esperas, ke plia publika diskuto pri tiu temo ne plu estos necesa, ĉar la afero sekvas naturan vojon.

*e)* Kiel principo de UEA la Komisiono konsideras la pacan kunlaboradon de ĉiuj samideanoj, kaj ne ian lingvan formon. Sekve la Komisiono rezervas al si kaj al la Komitato ĉiun liberecon de agado, se montriĝus minacata la esperantista unueco.

Por la Komisiono de UEA,

La Prezidanto: *Ed. Stettler.* La Ĝenerala Sekretario: *H. Jakob.*

**Komitato.** — Eksiĝis S-ro Mees (Nederlando), kiu ne deziris akcepti novan reelekton kaj proponis, ke oni serĉu pli junan reprezentanton por Nederlando. Pri lia afabla helpado antaŭ kaj dum la Haga Kongreso UEA danke rememoros. Jam de multaj jaroj li fidele servis nian Asocion, elektite de Vic- al plena Komitataneco en 1916/17.

**Karavano de UEA Lyon—Praha—Lyon** direktota de S-roj Génermont, Komitatano, kaj Poncet, Delegito. — Ĉar fervojaj horaroj en Aŭstrio kaj en Ĉeĥoslovakio ŝanĝiĝis nur dum junio, kaj ĉar en tiuj landoj rapidaj vagonaroj ne veturas ĉiutage en semajno, ne estas eble aperigi la programon de la Karavano en tiu gazeto. S-ro Poncet, 36, rue Victor Hugo, Lyon, sendos dum julio apartan cirkuleron kaj leteron al ĉiu membro de UEA petinta informon kontraŭ respondkupono aŭ franca poŝtmarko. Konsilinde estas jam peti pasporton; la Karavano mem zorgos pri la vizo de l' pasportoj de la Francoj ĉe la konsulejoj (rabatoj espereblaj); sed atentu, ke prezoj presitaj en iu Esperantista gazeto antaŭ kelkaj monatoj, ne plu estas ĝustaj nun.

[1] Prof. Cart plendas, ke tiuj lastaj vortoj en lia letero ne aperis en I. K. R. Pro lojaleco ni aldonis ilin volonte. — *(Red.)*

**Statistiko de la poŝtaĵoj.** — Movado de la poŝtaĵoj dum majo 1921: Ricevitaj: 810. — Forsenditaj: 1282. — Tuta sumo: 2092. (Antaŭa monato: 2796).

**Kotizoj por 1921.** — Je la 31 majo 1921 estis enkasigitaj 4274 kotizoj (de 887 membroj, 3316 membroj-abonantoj kaj 71 subtenantoj).

**Subtenantaj membroj.**

*Sepa listo:*

67. S-ro M. Deas, Beaufort West, Suda Afriko. — 68. S-ro Epitacio Garcia, Madrid. — 69. S-ro Wl. Hirszowski, Siedlce, Polio. — 70. S-ro Grover Perry, Chicago. — 71. S-ro Pedro Martinez de Villa, Santo Domingo, Kubo.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Arnau* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Karl Trüntschka, profesoro, 230. — VD.: S-ro Edwin Rolf, teknikisto, 406.

*Aussig* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Emil Hocke, ferrabotisto, Resselstrasse 1717. — VD.: S-ro Rudolf Tietz, oficisto, Langegasse 53.

*Böhmisch Leipa* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro D-ro Josef Reinelt, profesoro, Villa Bavaria.

*Boone* (Usono, Iowa). — D.: S-ro Charle H. Gibbons, instruisto, Bethel College.

*Bordighera* (Italio, Porto Maurizio). — D.: S-ro Luigi Pollini, botanikisto, via alla Chiesa Inglese.

*Buchs* (Svisio, St. Gallen). — S-ro Emil Eisenring, instruisto, Frumsen bei Buchs.

*Cosne-sur-Loire* (Francio, Nièvre). — D.: F-ino Marie Monsinjon, instruistino, 16, rue Pasteur.

*Cuxhaven* (Germanio, Hamburg). — D.: F-ino Jenny Sopalla, marfiŝkomerco (Fischgrosshandlung).

*Erie* (Usono, Pa.). — D.: S-ro James N. Wilson, kontraktisto, 124 W., 3rd Str.

*Haida* (Ĉeĥoslovakio, Bohem.). — D.: S-ro Wilh. C. Meissner, vitraĵoj.

*Karlovo* (Bulgario). — D.: S-ro Zvetan Zvetkov, ul. Vojniŝka 39. — VD.: S-ro Kiril Stoev, ul. Kiŝeva 27.

*Königstein* a. Elbe (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Paul Friedrich Huhn, bakisto, Pirnaerstr. 26 p.

*Krochwitz* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Rudolf Storch, studento, 85.

*Lancaster* (Usono, Penn.). — D.: S-ro Warren A. Sherwood, kuracisto, 237, E. King Str.

*Lovetch* (Bulgario). — D.: S-ro Boris Ivantchef, ul. V. Jonkof 4.

*Montréjeau* (Francio, Hte-Garonne). — D.: S-ro Raymond Dones, plombisto-elektristo, 17, rue du Barry.

*Moravska Ostrava* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Franz Benisch, fakinstruisto, Gymnasiumg. 6/II.

*Muglinov* (Ĉeĥoslovakio, Silezio). — D.: S-ro Josef Paŝa, minoficisto, 85, poŝto Hruŝov.

*Orisaar* (Estonio). — D.: S-ro Ivan Malofejev, subkuracisto, Saaremaale.

*Plymouth* (Anglio, Devonshire). — D.: S-ro Ralph Eliott, solicitoro, 24, Lockyer St. — VD.: S-ro S. R. Hawkins, provizejisto, 3, Arundel Cresc.

*Rosny-sous-Bois* (Francio, Seine). — D.: S-ro Louis Monnot, oficisto de la Pariza Universitato, 36, r. Paul Cavaré.

*Saintes* (Francio, Charente-Inférieure). — D.: S-ro Henri Barbier, fervojisto, route de Chaniers, près l'octroi.

*Stettin* (Germanio, Pommern). — D.: F-ino Frieda Kupfer, kontoristino, Deutsche Strasse 20. — VD.: S-ro Israel Futran, elektroteknikisto, Turnerstr. 11, b. Schulze.

*Strasbourg* (Francio, Bas-Rhin). — D.: S-ro Hubert Ferez, instruisto, 19, Glaubitzweg, Neuhof.

*St-Denis* (Francio, Seine). — D.: S-ro Félix Galy, inĝeniero, 40, Cours Ragot.

*St. Jachymov* (St. Joachimsthal, Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Arnoŝt Polivka, oficisto, Statni banska sprava.

*Teichstatt* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Josef Kriesche, 97.
*Usti nad Orlici* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Prof. Augustin Ĉermak.
*Villach* (Aŭstrio, Kärnten). — D.: S-ro Fritz Homer, fervojoficisto, Bismarckstr. 7.
*Villefranche s. Saône* (Francio, Rhône). — D-: F-ino Mary Zimmermann, instruistino, 241, r. Nationale.

Ŝanĝoj.

*Augsburg* (Germanio, Bayern). — D.: S-ro Joseph Sewald, fabrikdirektoro, Hirblingerstr. 79 a.
*Gävle* (Svedio). — VD.: S-ro A. K. Örn, Hemlingby.
*Johannesburg* (Sud-Afriko). — VD.: S-ro S. A. Andrew, P. O. Box 199.
*Sabadell* (Hispanio). — D.: S-ro Antono Costa, Salud 122/24.

Adresŝanĝoj.

*Bromberg-Bydgoszcz* (Polio). — D.: S-ro S. Ŝulc, komercisto, Dworcowa 22/23.
*Rotterdam* (Nederlando). — VD.: S-ro F. Pakker, oficisto, van Alphenstr. 8.

Lokoj kun alilingvaj nomoj: Moravska Ostrava = Mährisch Ostrau; Strasbourg = Strassburg; St. Jachymov = St. Joachimsthal; Bromberg = Bydgoszcz.

La supraj elektoj fariĝas valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.

Ne plu estas Del. en jenaj lokoj: *Halle a. S.* (Germanio); *La Rochelle* (Francio).

*Korekto.* — En la lasta N-ro de nia gazeto ni presis la adreson de nia Del. en Deutsch-Gabel: S-ro Meta Heybal. Oni bonvolu korekti. Nia Del. estas *F-ino* sed ne S-ro.

Ni uzas tiun ĉi okazon por atentigi precipe la S-inojn pri la neceseco noti „F-ino" aŭ „S-ino" antaŭ ilia nomo. Eksterlande oni tre ofte dubas pri la sekso rilatanta al la antaŭnomoj.

## Kunvenoj de Membroj de UEA en Essen kaj Harrogate

La manko de loko en ĉi tiu N-ro kaj nia deziro raporti pri tiuj du interesplenaj kunvenoj antaŭ la XIIIa Kongreso devigas nin mallongigi kaj kunfandi la raportojn de S-roj H. A. Epton kaj R. Kreuz.

La celo de tiuj kunvenoj estas precipe interŝanĝi ideojn por la bono de la movado kaj okaze fari plendojn. Ni ekzamenu tiujn prezentitajn.

*Servoj.* — S-ro F. Rhodes (Keighley) plendis, ke ne petinte ilin li ricevis poŝtmarkojn por vendi. Li ne estas ema sin okupi pri tio kaj resendis ilin al la servopetanto. Li deziras, ke neniu ano estu permesata sendi PM al alia ano sen antaŭa konsento de la ricevonto.

La Kongreso de Essen same esprimis la deziron, ke oni agu kontraŭ la kolektantoj tro uzantaj la servojn de la delegitoj kaj aliflanke kontraŭ la kolektantoj, kiuj anoncas kaj ne respondas laŭ ilia anonco.

S-ro Hirst plendis pri la ricevo de cirkuleroj kun peto traduki kaj presi en la naciaj gazetoj. Neniu respondkupono aŭ PM estas aldonitaj al tiuj petoj.

*Nia rimarko.* — La plendoj esprimitaj ĉi supre ne estas novaj. Preskaŭ ĉiusemajne ni ricevas tiajn, kiuj tiamaniere sumiĝas: la kolektantoj tedas la Delegitojn; la anoncantaj kolektantoj ne donas sekvon je ilia anonco. Ni jam insiste petis kaj ankoraŭ petas, ke oni ne konsideru niajn delegitojn kiel kolektantoj. Tial al ni estas malfacile havi nombron de delegitoj en Azio responda je la movado tiea: tuj kiam ni havas delegiton en tiuj malproksimaj landoj, anstataŭ ricevi seriozajn petojn de membroj, la malfeliĉulo estas bombardata per PI kaj PM, li sin kredas devigata respondi kaj baldaŭ eksiĝas. Ni do admonas la delegitojn *ne* respondi al petoj ne akompanataj de respondkuponoj, kaj kontraŭe ni insistas por ke la anoncantoj konsciu, ke ili havas la moralan devon respondi je peto konforma je ilia presigo. Ni ne povas „malpermesi" laŭ deziro de S-ro Rhodes la sendon de ne petita afero. Tiuokaze ni rimarkigu ke en la plej multaj landoj la juro certigis, ke oni ne estas devigata pagi nemenditan objekton; la sendinto devas eĉ pagi la poŝtelspezojn por la resendo.

Niaj delegitoj estas protektataj kontraŭ la tro penigaj servoj, la trouzo kaj trudemo de iuj membroj per la artikoloj 65 kaj sekvantaj de nia statuto.

*„Jarlibro"*. Tre interesaj rimarkoj kaj proponoj estas faritaj rilate nia jarlibro:

La Kunveno de Essen petas la Komisionon de UEA bonvoli konsideri la utilon kaj la realdonon de la geografia karto kun indiko de la delegitoj, kiu aperis antaŭe en la jarlibro.

S-ro G. W. Roome (Sheffield) esprimis la deziron, ke la jarlibro aperu dum la unuaj 3 monatoj de la jaro.

S-ro G. M Williams (Loughborough) rekomendis, ke apud ĉiu urbnomo aperu la nombro de la enloĝantoj kiel jam okazis, plie la nomoj de la ĉefaj lokaj industrioj.

La deziro de S-ro Roome estis ĉiam nia. Bedaŭrinde la 3 unuaj monatoj de la jaro estas la plej laborhavaj en nia oficejo: dum tiu tempo okazas multaj ŝanĝoj de delegitoj, adresŝanĝoj, eksiĝoj k. t. p., Kaj malgraŭ niaj penoj kaj pro aliaj cirkonstancoj ni ĝis nun ne ankoraŭ povis sukcesi aperigi la jarlibron frue precipe kun la malmultaj oficistoj taŭgaj por tiu laboro, kiujn ni posedas.

Se nur niaj nunaj membroj pagus al ni sian kotizaĵon en svisaj frankoj ni povus havi plian oficiston, kiu sin dediĉus speciale al la jarlibro, kies apero estus tiel pli frua.

En la nunaj cirkonstancoj estos eĉ malfacile ellabori geografian karton; sed ni ekzamenos la eblon ĝin represi.

Kiel trafe ĝin rimarkigis S-ro Epton, la detaloj pri enloĝantoj ne aperis pro la ŝanĝoj grandegaj okazintaj dum la milito. Nia lasta bulteno al la delegitoj petis la nombron de loĝantoj de ilia urbo, kaj ni presigos ilin en 1922. La propono pri noto de la lokaj industrioj estos serioze ekzamenata.

Aliaj demandoj de la membroj pri la administrado estis tuj facile responditaj de la sekretarioj per la montro de niaj statutoj kiuj ĉion antaŭvidas.

La jenaj deziresprimoj estis ankaŭ akceptitaj en la kunveno de Essen:

*Administrado.*

La Komisiono bonvolu zorgigi ke la C. O. de UEA funkciu pli rapide kaj ke ĉiuj aferoj estu pli individue plenumataj.

La ĉeestantaj membroj promesas al la Komisiono post klariga parolado de S-ro Kreuz pri la malfacilaj cirkonstancoj de UEA laŭ ĉiuj fortoj ĝin subteni en praktika maniero, eviti troŝarĝon de la C. O., propagandi ĝin ĉie, aliflanke postulante, ke la agado estu ankaŭ konsidere taksata. Nur administracian pritrakton oni malaprobas.

Ni tre dankas la voĉdonintojn de tiu favora deziresprimo; sed ili permesu nin rimarkigi, ke postuli *pli individuajn respondojn* kaj *eviti troŝarĝon* al la oficejo estas tute malaj aferoj. Nia C. O. estas superŝarĝata per laboro: la prava postulo, ke ĝi funkciu pli rapide estas ĝia pruvo. Ni ne povas individue respondi al ĉiuj petoj, ofte cent foje presitaj en nia gazeto aŭ cirkuleroj, kaj ni sendas presaĵon, en kiu ni substrekas la de ĉiuj konata informo. Tio estas pli simpla, pli rapida, pli malmultekosta, dum poŝtkarto dirante ekzemple ke ni ne akceptas pagon en kr. el Germanio, kostus al nia malriĉa Asocio 0,25 fr. sv. kaj tempon de oficistoj, kiuj havas pli gravajn laborojn por plenumi.

Niaj membroj kaj delegitoj evitos al ni troŝarĝon ne petante aferojn troveblajn en ĉiuj niaj presaĵoj kaj gazeto.

Ni tre dankas la organizantojn de la du kunvenoj: S-ro J. T. Holmes, sekr. de la Kongreso en Harrogate, S-ro W. H. Hirst, del. Huddersfield, prez. de la kunveno, S-ron H. A. Epton, Londona sekretario de UEA, kaj S-ron R. Kreuz el Frankfurt.

## Fanatikismo

Fanatikismo, tiu ĉi malbona frato de l' entuziasmo, neniam eniru nian esperantan rondon. Fanatikismo estas la senindulga persekuto de novaj vortoj, la ĉasado, elspionado de ili. Povus ja okazi (jen hipotezo), ke ia verko, anonime prezentata de nia Majstro mem, pro kelkaj novaj radikoj estas mallaŭdata, ĉar la nekonata aŭtoro uzis „ne aprobitajn" vortojn. El tiu ĉi hipotezo oni povas vidi, kien kondukas fanatikismo.

*Esperantista Literatura Asocio*

(Bulteno de E. L. A. 16-a Raporto, jaro II-a, N-ro 7, majo 1913.)

# Esperantista Literatura Asocio

*Julia raporto*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Fervora kaj vigla samideano sin prezentis al E. L. A. per jenaj vortoj: „Legado de bonaj seriozaj verkoj ĉiam konsolas min, kiam mi enuas aŭ iel ĉagreniĝas. Sen miaj karaj mondlingvaj aferoj mi eĉ unu tagon ne povus vivi. Laŭ mia antaŭsento mi eĉ en mia ĉerko ne povus trankvile ripozi, ne havante sub mia kapkuseno kelkajn legaĵojn, kiuj povus min konsoli en tiu soleco kaj izoleco." Kion diros tiu ĉi entuziasma libro-amanto, kaj kion diros kun li ĉiuj Esperantistoj, ekvidante novan, seriozan, vere legindan libron? Ĝi ĵus aperis per la konata eldonejo Ferdinand Hirt und Sohn, Leipzig, kun la titolo: La Vendreda Klubo (broŝ. 15 M.), J. Dietterle. Sur la kovrilo ni vidas la verdan stelon kaj artan bildeton, plugiston kun la subskribo: „Ni fosu nian sulkon." Ni aŭdis ĉi tiun energian vorton en Cambridge 1907 el la buŝo de nia nuna prezidanto Prof. Th. Cart; ĝi nin certigas, ke ni vidos nian lingvon en pura fundamenta formo. Ni malfermas la libron kaj vidas la surskribon de la diversaj artikoloj; ĉiu el ili estas tiom interesa, ke ni ne scias, kiun ni unue legu. Ĉu „Pri la Lingvaj Respondoj de D-ro Zamenhof", (W. Lippmann) aŭ „Leibniz kiel antaŭbatalinto por nia ideo de mondhelplingvo — eraro!" (D-ro J. Dietterle). Ni moderigu nian senpaciencon kaj komencu per la unua artikolo: „La romantika verkisto E. T. A. Hoffmann kiel muzikisto." (P. Bennemann.) Granda estos nia kontentigo! Se tiu ĉi libro, en malfavora epoko eldonita, rapide disvastiĝos en Esperantujo, tiam la firmo Hirt volonte eldonos ceterajn Esperantaĵojn. Do, sekvu la konsilon de E. L. A. kaj aĉetu la libron!

S-ro P. Medem eldonis du librojn por rusoj: Lernolibron kaj vortareton anoncitajn en maja N-ro de „Esperanto".

Ambaŭ libroj estis granda bezono por la reviviĝinta Esperantomovado en Rusujo. La nomo P. Medem estas konata per diversaj eldonaĵoj, inter ili la bona novelo de V. G. Avsejenko: „Fraŭlino Suzano". Ni je tiu ĉi okazo tre varme rekomendas ĉi tiun bonegan libreton; novaj kaj malnovaj Esperantistoj kun plezuro ĝin legos. (Ader und Borel, Dresden.) „Fraŭlino Suzano" estas tre taŭga por esti unu el la unuaj legolibroj post finita kurso, same kiel la fame konata „Karlo", orig. verkita de E. Privat. Nova eldono de tiu ĉi libro baldaŭ reaperos, tiam ambaŭ libroj estos tre ŝatata legaĵo.

Aperis ankaŭ la jam anoncita kantlibro de nia poeziema F. Pillath. Poezio estas la koro de lingvo, internacia homa kvalito. La titolo de la ĉiel rekomendinda libro estas: „Das Deutsche Lied in Esperanto", Germanaj Kantoj Esperantigitaj. Friedrich Ellersiek, Berlin.

S-ro Cosmo Ricca, Genova, el itala lingvo tradukis: „Jesuo el Nazareth", kvinakta mistero. La aŭtoro, Antonio Pastore, permesis la tradukon ankaŭ en germanan lingvon.

Tre bona gazeto estas: „Literaturo". (Vendas B. E. A. 17, Hart Street, London W. C. 1.) Ĝi havas libran formaton, kiu estas tre taŭga por daŭra uzado. Oni facile povas bindigi jareldonon de la malgrandaj kajeroj, eĉ nebinditaj ili bone lokiĝos en libroŝranko. „Literaturo" meritas la konservadon, ĉar ĝia enhavo estas bonega.

En N-ro 9a (21) ni trovis bonegan tradukon laŭ Longfellow: „La Amindumo de Hiavata", sen nomsubskribo. Ĉi tio estas des pli interesa por ni, ĉar en la German-Aŭstria gazeto „Esperantisto", januaro 1913 aperis traduko de la sama „Kanto", verkita de nia kolego F. W. Hipsley kaj rekomendita de Esperantista Literatura Asocio. Ni ne volas preterlasi la okazon, denove anonci, ke en la provizejo de E. L. A. kuŝas la unuaj kvin kantoj de la fama poemo, bone redaktitaj kaj prespretaj. Ĉu la redakcio de „Literaturo" eble efektivigos eldonon de la tuta poemo „Hiavata"?

La unua jardeko de nia asocio nun estas finita. Ni daŭrigos nian celadon, proponi helpon al verkistoj, por ke ili aperigu senriproĉajn librojn. *Marie Hankel*, Dresden, Nicolaistr. 18.

# Centra Dana Esperantista Ligo

*Oficialaj informoj — (majo—junio 1921)*

Dum la 1a kaj 2a Pentekostaj tagoj 1921 okazis en Odense la *10a jarkunveno* de Centra Dana Esperantista Ligo.

Malgranda aro da Esperantistoj el diversaj lokoj de Danlando tie travivis agrablan kuneston kun svedaj, anglaj kaj ĉeĥoslovakaj gesamideanoj. Favorite de bela vetero oni per ĉevalveturiloj vizitis la ĉarman „Langeso" en la proksimeco de Odense. Dum la ekskurso same kiel dum la enĉambraj festetoj regis kora sento.

Sed oni ne nur amuziĝis, oni ankaŭ laboris. *La jara ĝeneralkunveno de C. D. E. L.* komencis dimanĉe kaj estis daŭrigata la proksiman tagon.

La tagordo de la ĝeneralkunveno estis:

1e La prezidanto prezentos la laborraporton; 2e la kalkulraporto estos prezentata de la nuna kasisto, S-ro Taŭmose; 3e propono de C. D. E. L. rilate al pliʼaltigo de la membra kotizaĵo; 4e oni decidos pri tempo kaj loko por la venonta ĝeneralkunveno; 5e la delegitoj de la kluboj elektos: prezidanton, vicprezidanton, 7 reprezentantojn, 2 anstataŭantojn kaj 2 revizorojn.

Kiel direktanton de la kunveno oni elektis S-ron Palsberg. El la reprezentaro ĉeestis la prezidanto S-ro Blicher, F-ino Jorgensen, F-ino Rybo, S-ro Christensen kaj S-ro Taŭmose.

Konc. al punkto 1: La prezidanto, S-ro Blicher, raportis pri la laboro dum la pasinta jaro. Rezumo pri la laboro de ĉiuj reprezentantaraj kunvenoj estas regule sendita al la kluboj; sed dum la ĝeneralkunveno la prezidanto donis pli detalajn sciigojn. Konc. al 2: Oni aprobis la raporton. Konc. al 3. La reprezentantaro proponis pliʼaltigon de 35 Ore al 50 Ore, sed pro tio ke la necesa leĝoŝanĝo ne estis ebla en tiu kunveno, ĉeestanta membro afable promesis pagi la diferencon ĝis la venonta jarkunveno. Konc. al 4: La urbestro de Skanderborg, S-ro Weng, en la nomo de 24 tieaj samideanoj invitis la venontan jarkunvenon al Skanderborg. Oni decidis kun danko akcepti la proponon kaj okazigi la jarkunvenon dum la Pentekosto 1922. Konc. al 5: Oni reelektis S-ron Blicher kiel prezidanton, S-ron Wulff kiel vicprezidanton, F-inojn Asmussen, Jorgensen kaj Rybo, D-ron Meyndor kaj S-ron Taŭmose. Novelektitaj estis S-ro Krejl (Kopenhago) kaj S-ro Carlsen (Odense).

La reprezentantaro krom tiuj-ĉi samideanoj konsistas el S-ro Hinrichsen kaj S-ro Christensen. Anstataŭantoj estas F-ino Bjarnov kaj S-ro Palsberg, revizoroj S-roj Baruël kaj Lendorff.

Multaj telegrafitaj kaj skribitaj salutoj de enlando kaj eksterlando estis senditaj al la kunveno, kaj la lokaj ĵurnaloj enhavis multajn sciigojn kaj artikoletojn pri Esperanto kaj la jarkunveno.

De Odense oni nun raportas, ke post la kunveno S-ro Carlsen gvidas kurson en Esperanto kun 25 lernantoj, el kiuj multaj partoprenos la kongreson en Praha.

* * *

La 2 junio 1921 okazis ordinara reprezentantara kunveno en C. D. E. L.

Ĉiuj Kopenhagaj reprezentantoj ĉeestis, kaj oni decidis pri la labormaniero de la reprezentantoj dum la venontaj kunvenoj; oni ankaŭ elektis komitatanojn por la diversaj taskoj de C. D. E. L.

Plie oni decidis eldoni propagandfolion, enhavantan sciigojn pri la lastokazintaj sukcesoj de Esperanto.

Oni diskutis la plej bonan manieron por propagandi Esperanton en la „Ruĝa Kruco". Krom tio la prezidanto raportis pri la klopodoj, kiujn li faris por havigi al la kongresvojaĝontoj favorajn pasport-kondiĉojn.

Centra Dana Esperantista Ligo:
*Martin Blicher*, prez. *Astrid Rybo*, sekr.

# TUTMONDA MONKOLEKTO POR TOMBŜTONO

## al D-ro Lazaro Ludoviko Zamenhof

*Iniciatintoj kaj Organiza Komitato:*

Prof. Th. Cart, Paris. D-ro W. Robin, Varsovio.
Generalo Sébert, Paris. S-ro Ed. Stettler, Bern.

*Organiza Komitato:* S-ro J. M. Warden, Edinburgh.
S-ro Advokato W. M. Page, Edinburgh, 31, Queen Street, Hon. Kasisto.
S-ro J. D. Applebaum, Liverpool, 11, Mayville Rd., Mossley Hill, Hon. Sekretario.

* * *

La supre nomita Internacia Komitato formiĝis por kolekti la bezonatan monsumon per sistemo de kupon-kartoj (vidu apartajn notojn „La projektita plano") kaj en Varsovio stariĝis loka komitato, kiu prizorgos, sub la kontrolo de la Internacia Komitato, la konstruon de la monumento kaj ĝian konservadon. Ĉe la Kongreso en Praha la sekvanta rezolucio estos proponata en la nomo de la iniciatintoj:

„La XIII-a Kongreso de Esperanto, okazinta en Praha la 1—6 aŭgusto 1921, decidas, ke estas necese konstrui taŭgan monumenton sur la tombo de D-ro L. L. Zamenhof, la aŭtoro de Esperanto, kaj rekomendas la projekton de la Iniciatintoj al la sindona subteno de la tutmonda Esperantistaro."

La sekvanta alvoko estas direktata al ĉiuj samideanoj kaj simpatiuloj, kun plena konfido, ke la Kongreso en Praha aprobos la projekton, kaj kun espero, ke la tutmonda Esperantistaro subtenos ĝin tutkore.

Lazaro Ludoviko Zamenhof estis unu el la geniuloj de la mondo. Tion la historio baldaŭ konstatos. Li donis al la homoj la internacian lingvon, Esperanto, kiu jam realigis la malnovan revon je tutmonda lingva kompreno kaj vekis ĉe siaj adeptoj senton de homa interfratiĝado. Lia verko forte enradikiĝis en miloj da koroj tra la tuta mondo, kaj jam portis fruktojn en la rilatoj de homoj el diversaj popoloj kaj lingvoj, rasoj kaj kredoj, kaj en la laboro de sindonaj samideanoj, kiuj entuziasme klopodas ĝin disvastigi.

Ĝis nun lia tombo en la hebrea enterigejo en Varsovio atendas taŭgan monumenton. Dum la lingvo, kiun li kreis, restos por ĉiam la plej nobla monumento, estas dece, ke sur lia lasta ripozejo la Esperantistoj, kiuj lin amis kaj admiris, starigu monumenton, altrangan je digno kaj edifo, kiu simboligos tiun amon kaj admiron, kiel lian epokfarantan elpensitaĵon.

*La celo de la nuna alvoko* estas havigi la subtenon de la Esperantistoj por la monsumo bezonata por tiu unika memoraĵo. Neniu dankema koro detenu sin de la ofero de eĉ sumeto por tiu bela celo. Kiel la Poloj, liaj samlandanoj, alportis el ĉiuj anguloj de sia lando bulojn da tero por monumento al Kosciuszko, la Pola nacia heroo, tiel ankaŭ el ĉiuj anguloj de la mondo ĉiu Esperantisto alportu sian moneron por la konstruo de monumento sur la tombo de la kara Majstro.

Por la desegno de la monumento estos malfermata internacia konkurso kaj la jam starigita komitato en Varsovio prizorgos la konstruigon. La mono kolektita estos uzata por la monumento, kaj, se restos sumo, por alia taŭga memora celo.

La projekto estas aprobita S-ino Zamenhof kaj la familianoj de la Majstro.

Dependas de vi, Samideanoj, kaj de via bonvolo, ke la supra projekto efektiviĝu. Samideanoj, kiuj deziras sendi mondonacojn rekte al la Hon. Kasisto, povas tion fari en sia nacia mono, kaj kiam la kuponkartoj estos presitaj, ili ricevos kvitance la kartojn aŭ la kuponojn laŭ la sumo donacita.

Por la Iniciatintoj kaj la Organiza Komitato:
*J. D. Applebaum,* Honora Sekretario.

## La projektita plano por tombŝtono

*Monkolekto per sistemo de kupon-kartoj*

La Organiza Komitato eldonas kupon-kartojn kun gravurita portreto de la Majstro, kaj kun teksto klariganta la celon.

Ĉiu serio de kartoj havas certan valoron konforme al la monsistemoj kaj la ekonomiaj kondiĉoj de la diversaj landoj. Ekz.: 20 ŝilingoj aŭ svisaj frankoj, 50 frankoj francaj, 100 M. germanaj, k. t. p. La karton ĉirkaŭos 20 kuponoj kun la sama bildo de la Majstro, ĉiu valoranta la dudekonon de la tuta karto. Oni povos do akiri aŭ plenajn kartojn, aŭ nur kelkajn kuponojn. Tio donos la oportunon al ĉiu samideano kunhelpi tiom, kiom li kapablas.

La kartoj kaj kuponoj estas la sola kvitanco al la pagintoj.

Kun la afabla helpo de la Naciaj Societoj Esperantistaj kaj de la reprezentantoj de UEA, tiuj kupon-kartoj estas disvendataj inter la Esperantistaro kaj la simpatianoj tra la tuta mondo.

La Organiza Komitato starigos filiojn kaj agentejojn kaj fiksos iliajn kondiĉojn kaj respondecojn. La filioj kaj agentejoj nur vendos plenajn kartojn; la vendadon de kuponoj prizorgos sindonaj samideanoj, kiuj kompense konservu la mezan parton de la Kuponkarto kun la portreto.

Estos eldonata la kvanto da kupon-kartoj necesa por provizi ĉiujn revendistojn. Post sufiĉa vendo, la nevenditaj plenaj kuponkartoj estos reprenataj. Ni taksas la bezonon je proksimume £ 500 sterlingaj.

*La Organiza Komitato* aranĝas la tutan kolektadon, okazigas internacian konkurson pri la monumento, ĝin mendas kaj pagas.

*La Loka Komitato* en Varsovio konstruigas la monumenton kaj zorgos por ĝia konservado.

*La Iniciatintoj* devas aprobi ĉiujn gravajn decidojn.

*La gazeto „Esperanto"* kaj aliaj esperantaj ĵurnaloj ricevos regule informojn pri la progreso de la kolekto kaj la spezoj.

*La Universalaj Kongresoj de Esperanto* decidos pri la raportoj de la Organiza Komitato kaj pri uzado de eble restanta monsumo.

Por la Iniciatintoj kaj la Organiza Komitato:
*J. D. Applebaum,* Honora Sekretario.

---

## Internacia Kongreso de la intelekta laboro

*Bruselo, 20—22 aŭgusto 1921*

La Mond-Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj invitas por partopreni en Internacia Kongreso en Bruselo, la 20, 21 kaj 22 aŭgusto proksima la intelektajn laboristojn, la de ili starigitajn organizaĵojn por la defendo de iliaj rajtoj, kaj ankaŭ la reprezentantojn de la gravaj institucioj sciencaj, artaj, literaturaj, moralaj kaj religiaj. — Tiu kongreso pritraktos ses demandojn:

1e Ekzameno de la vivkondiĉoj de la intelekto kaj de la intelektuloj en la nova societordo. Ŝajnas neeble ke, en la movado de restarigo flegata en ĉiuj landoj, restu pli longtempe malzorgata la grava parto cedota al la agemo kaj al la rajtoj de la intelekto, rilate al la favoroj kaj profitoj certigitaj al la kapitalo kaj al la manlaboro.

2e Protekto de la interesoj profesiaj, fakgrupaj kaj privataj por la intelekta laboro. Tiu protekto de la personoj tamen ne povus malutili la socian rolon kaj la liberan influon de la intelekto en la fako de la sciencoj, literaturo kaj artoj, moralo kaj edukado, tiaj kiaj ili estos organizotaj de la publikaj potencoj kaj de la asocioj kun senprofitaj celoj. Iuj grupoj sin okupis jam pri tiuj problemoj en diversaj landoj, kaj naciaj societoj fondiĝis por ilin pritrakti; sed ili ne ankoraŭ havis okazon por interkonsiliĝi. Estas necese ekzameni la utilon plimultigi tiujn asociojn kaj krei iun internacian ligilon inter ili.

3e Problemo pri presaĵoj kaj gazetaro. La intelekteco estas serioze minacata rilate la disvastigon de la elpensaĵoj kaj la esprimon de la ideoj, pro la malhelpoj, kiujn la nuntempaj ekonomiaj vivkondiĉoj estigas al la publikigiloj.

4e Kunmeto de la agada plano. La kongreso havos la okazon por verki tabelon de la grandaj progresoj kaj celoj, al kiuj la menso devus direkti la homajn klopodojn dum la proksima estonteco.

5e Studo de la problemo pri Ligo de Nacioj. Laboristaj, ekonomiaj aŭ financaj konferencoj prezentis rezoluciojn eĉ postulojn pri la Ligo. Rekomendoj laŭ vidpunktoj scienca, teknika, morala kaj edukiga ŝajnas oportunaj.

6e Loko rezervota en la Ligo de Nacioj al la intelekteco, same kiel oni donis jam al la manlaboro kaj al la financo.

La priparoladoj de la kongreso pri tiuj ses temoj estos preparitaj enkete kaj raportoj estos disdonitaj antaŭ la kunveno.

La kongreso okazos dum la komenco de la „Internaciaj Semajnoj" (20 aŭgusto—15 septembro), dum kiuj kunvenos en Bruselo, en la Monda Palaco, diversaj internaciaj kongresoj, kaj okazos la dua kunsidaro de la Internacia Universitato.

La kongresa kotizaĵo estas Fr. 20.

Tradukita por la „Esperantista Gazetaro" de „Gazetara Servo" de Belga Ligo Esprerantista, 45, Kleine Beerstraat, Antverpeno. *Frans Schoofs,* Direktoro.

Ĉiuj Esper. gazetoj bonvolu represi!

# Esperantista Parolejo

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de niaj delegitoj.*

.·. S-ro *Maurin* el Marseille tre dankas gefratojn Tiard en Paris pro ĝentila servo ricevita dum reveno de la kongreso de Orléans.

.·. S-ro *Inocento Serišev* en Tokio dankas S-ron A. Petrov en Omsk, S-ron K. Luks en Ĉita, S-ron Ševĉugov en Krasnojarsk kaj la Esp. grupon de Vladivostok, kiuj sukcesis havigi al li novajojn de sia familio en Rusio.

.·. F-ino *Olga Bettlheim* el Vyšny Svidnik (Ĉeĥosl.) kaj S-ro *László Spiró* el Miškolcz (Hung.) tutkore esprimas siajn varmegajn dankojn al S-ro D-ro Edmund Sós, Del. de UEA en Wien, pro dum longa tempo ofereme plenumitaj neforgeseblaj servoj.

.·. Ges-roj *Röhner* en Heidenaŭ plej kore dankas S-ron Otto de Beus, kiu sendis afable al maisana S-ino Röhner pakajon kun nutrajoj.

.·. S-ro *J. P. L. Niesten*, Delegito en Nijmegen, kore dankas S-rojn E. Klein, Del. en Essen, kaj E. Grund, Vic-Del. en Hannover, pro ilia afabla helpo dum vojaĝo.

## Oni petas!

*Ni publikigas nur alvokojn kiuj havas ĝeneralan intereson por la Esperantistaro.*

.·. *Esperanto kaj Foiroj.* — La specimena Foiro en Poznán (Polio), okazinta de la 28 majo ĝis la 5 junio havis grandan sukceson. Bedaŭrinde malgraŭ la klopodoj de niaj samideanoj la estraro ne decidiĝis presigi esperantan prospekton kiel preskaŭ ĉiuj aliaj foiroj. Tio okazos la proksiman jaron, se la eksterlandaj samideanoj jam de nun petus informojn kaj promesus propagandon al la Targ Poznánski. Nowy Ratusz (Poznán), Polio.

.·. *Instruistoj!* — Al ĉiuj geinstruistoj, venontaj al la Dresdena Antaŭkongreso! La 28 julio, je la 3-a posttagmeze, okazos la ĉefkunveno de nia asocio. Oni priparolos pri la legolibro por infanoj, pri la farotaj proponoj kaj deziroj por la Praha kongreso pro la fondiĝo de la „Internacia pedagogia asocio" kaj la refondiĝo de la „Int. pedag. revuo". La kunveno estas malfermota per leciono al infanoj verŝajne en la 9-a popollernejo, kie estos ankaŭ la kunvenejo „Weisse Schleife", tute proksime ĉe la „Vereinshaus". Oni demandu la 28 en la „Akceptejo en Vereinshaus" pri nia kunveno, k. t. p. Antaŭ ĉio ni atendas la eksterlandajn gekolegojn, kiujn ni invitas per tio korege. Ni treege ĝojas pri la parolado dum kaj post la kunveno. Ĝis revido en Dresden! Informpetojn respondas E. Friebel, instr. kaj sekretario de la „Esperanto-Asocio de germ. instr.", Residenzstr. 24, I., Dresden-Dobritz, Saksio.

.·. *Pri la adresaro de B. E. S.* (Moravany). — Ni jam ricevis multajn plendojn de membroj aŭ delegitoj, kiuj pro apero de ilia nomo en la unua eldono de tiu adresaro estis bombarditaj per poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj dum ili tute ne deziras ilin. Lastatempe ni ricevis denove plendon ĉi suban kun peto publikigi: „Mi ricevis multajn leterojn eĉ kun diversaj markoj por interŝanĝado. El tiuj leteroj mi sciiĝis, ke mian nomon ili trovis en Bohema adresaro kun noto ke mi deziras korespondi kaj interŝanĝi PM. Mi ekmiris pri tio, ĉar mi neniam kaj neniun petis pri presado de mia nomo en tiun adresaron. Mi tute ne havas tempon nek por korespondado nek por kolektado de markoj. Tion mi neniam faris nek intencas fari. Malgraŭ tio mi respondis al kelkaj samideanoj, al kelkaj mi resendis la sendajon. Aliaj pardonu, ke mi ne povis plenumi ilian peton.

*Jan Kaszycki.*

.·. *Al ĉiulandaj fervojistoj!* — Estante aranĝantino de faka kunveno de fervojistoj ĉe la XIII-a Universala Kongreso Esperantista en Praha, mi petas ĉiulandajn fervojistojn pri afablaj proponoj rilate tiun ĉi laboron. Ĉion sendu (kun respondkuponoj aŭ neuzitaj poŝtmarkoj) al *Sidonie Dlouhá*, fervoja oficistino *Praha 15*, Stacidomo de Wilson.

.·. *Propagando.* Ĉar la Ministro de l'Popola instruado en Bulgario — S-ro St. Omarĉevski, Ministre de l'Instruction publique, place Slaveikov — en Sofia estas jam tre favora pri la utileco de nia kara lingvo „Esperanto" kaj ĉar laŭ lia iniciato ĝi estas jam enkondukita kiel deviga fako por la preparataj progimnaziaj instruistoj, mi petas ĉiujn fervorajn samideanojn, ĉu profesorojn, instruistojn, scienculojn, eminentulojn kaj kiaj ajn, ke ili esprimu al li persone siajn tutkordankojn pri la granda apogo, kiun la ministro donas al nia Esperanto, elsendante al li ilustr. poŝtkartojn aŭ dankleterojn, por ke ni povu sukcesi ĉe la Parlamento por la enkonduko de Esperanto en la ŝtataj lernejoj kun la nova leĝo de popola instruado. St. Minkov, Del. kaj komitatano de UEA, Sofia.

.·. *Vestajoj malnovaj.* La lastaj kuracistaj revizioj de niaj lernantoj montris la grandan mankon de ĉemizoj kaj kalsonoj. Dum malvarmo — 9° R. dekduono de infanoj posedis nek unu nek alia. La ceteraj estis plej ofte netaŭgaj. Ĉar Esperanto estas deviga fako en mia vilaĝa lernejo, estus samideana helpo se riĉaj samideanoj sendus al mi tiajn vestajojn. R. Scheibler, instruisto, Niederhermsdorf bei Dresden.

.·. *Internacia Movado por forigi Militon.* — La Anti-Militarista Organizajo fondita antaŭ ne longe en Anglio kaj nomita „Internacia Movado por forigi Militon" publikigis eldonon en Esperanto (kiun ni presigas sube) de ĝia „Deklaracio Kontraŭmilita: „Kredante, ke ĉia milito estas malprava, kaj ke la armado de la popoloj, ĉu mare, tere, aŭ aere, estas perfido kontraŭ la spirita unueco kaj la inteligento de la homaro, mi deklaras, ke estas mia intenco neniam partopreni en milito ataka aŭ defenda, internacia aŭ civila, ĉu portante armilojn, fabrikante aŭ tuŝante municion, memvole kotizante al milita prunto, aŭ uzante mian laboron kun la celo liberigi aliajn por milita servo. Plue, mi deklaras mian intencon klopodi por la forigo de ĉiu kaŭzo de milito kaj labori por la fondo de nova socia ordo bazita sur kunlaborado por la komuna bono." Personoj emaj subskribu tiun aliĝon sciigu F-inon Beatrice C. M. Brown, Sekretario, No More War International Movement, Bride Lane 23, London E. C. 4.

## Oni proponas!

.·. *Turista propagando.* — Ni ricevis jenan leteron: „Mi proponas hodiaŭ al niaj alilandaj samideanoj, iun sistemon por efika esperanta propagando, laŭ tre oportuna sugesto al mi farita de nia sindonemega Lyon-a Delegito, Sinjoro Poncet, al kies ideo mi propramove aldonis kelkajn personajn ideojn aŭ perfektigojn.

Antaŭ nelonge, estis starigita, inter la anoj de la franca „Touring Club", grupo esperantista, kiu jam entenas pli ol cent anojn: ĝia celo estas interrilatigi, pere de Esperanto, la diversajn turistajn klubojn en la mondo, kaj, per tio mem, faciligi la turistan almovon en la landoj posedantaj tiajn klubojn: tio povas esti gravega helpo por la universala turismo.

Do, estas tute necese montri tion al tiuj kluboj, kaj sekve, ke ili havos grandan profiton helpante nian movadon.

Oni devas ĉiam ripeti tion (kio estas la vero), ke iu ajn persono, vojaĝanta eksterlanden, ĉiam trovos grandan utilon aliĝante al la Turista Klubo de la lando ĉe kiun ĝi intencas iri.

1° Ĝi ricevos senpage de tiuj Turistaj Kluboj ĉiuspecajn utilajn sciigojn.

2° Ĝi ĝuos rabatojn, kiujn tiuj ĉi havigas al siaj anoj ĉe la hoteloj, komercistoj, k. t. p.

3° Ĝi ĝuos la kunfratecon kaj helpemecon aŭtomatike ekzistanta inter la anoj de tiuj asocioj, plej ofte tre multenombraj: tiom pli, ke ilia kotizajo estas plej ofte, tre modera.

Do, jen, laŭ mi, la sistemo sekvota:

Se iu ajn Esperantisto konas samideanon intencantan vojaĝi Francujon aŭ Svedujon, ekzemple, li devas instigi tiun ĉi skribi *Esperante* al la franca aŭ al la sveda turista klubo, petante de ili sciigojn pri la aliĝo, pri ĝia kosto, k. t. p., kaj eventuale, por tuj aliĝi.

Tiamaniere, tiuj kluboj estas devigitaj havi esperantajn oficistojn, aŭ tradukigi tiujn leterojn, kaj devige ekkomprenos la gravecon kaj utilon de nia lingvo.

La UEA ankaŭ povus efikege helpi tiun sistemon de propagando, sugestiante al siaj delegitoj tiun iniciaton, ĉu per la Revuo mem, ĉu per speciala cirkulero. Ĝi avizus ilin, ke, okaze, ili direktus la turistojn al la klubo de la lando, en kiu ili intencas vojaĝi, samtempe *rekomendante, ke ili skribu siajn leterojn en Esperanto.*

Tiu agmaniero estos tiom pli natura, ke la interesitoj tre ofte ne konas (aŭ malbone konas) la lingvon de tiu lando.

Aliparte, se oni petas de delegitoj komercajn sciigojn, kio estas pli proksime al ilia specialeco, ili same devas direkti la petantojn al iuj komercaj Ĉambroj plej speciale difinitaj (ĉiam kun la sama rekomendo: pri la esperanta korespondado).

Tiuj propagandaj sugestioj estas donotaj, ne nur al la delegitoj, sed ankaŭ al ĉiuj Esperantistoj.

Ĉio tio havas la saman celon: kiel eble plej efike konigi al la ĉiuspecaj grandampleksaj organizajoj (ĉu privataj, ĉu oficialaj) la gravecon de nia movado, kaj inde konsiderigi Esperanton, tiu geniega kreajo, kiu, malgraŭ ĉiuj malprogresemuloj koaliciitaj, neeviteble konkveros la mondon. *Ernest Archdeacon.*

## Internaciaj Katolikaj Konferencoj

Graz, 10—14 aŭgusto 1921

La preparaj laboroj de la internacia Katolika kunveno nunjara en Graz, 10—14 aŭgusto, havas tre bonan sukceson. El preskaŭ ĉiuj Eŭropaj ŝtatoj jam anoncis sin partoprenontoj. La plej gravaj problemoj de la nuntempa agado internacia estos pritraktotaj. Famkonataj internaciistoj Katolikaj prenis sur sin la ĉefajn raportojn. Jen la programo provizora.

*Mekrede, la 10:* Posttagmeze: Neoficialaj antaŭparoladoj de la interesuloj pri la internacia porpaca movado. Vespere: Saluta kunveno.

*Jaŭde la 11:* 8—10ª Konferenco pri la internacia junulara movado. ½11—1ª Ika-Konferenco: malfermo de la ĝenerala kunveno; elekto de la komisionoj. 4—7ª porpaca Konferenco.

*Vendrede la 12:* 8—10ª junulara Konferenco; ĝenerala kunveno de „Moka". ½11—1ª porpaca Konferenco, Konstitucio de internacia organizo, 4—7ª Ika-Konferenco.

*Sabate, la 13:* 8—10ª Konferenco pri la Esperanto-movado katolika Ĝenerala kunveno de Ika U. E. ½11—1ª misia Konferenco. 4—7ª Ika-Konferenco.

*Dimanĉe, la 14:* 8ª solena Diservo, posttagmeze fina kunsido. Amuzajoj.

*Lunde, la 15:* Komuna ekskurso en la „Bärenschütz", unu el la plej belaj kluzoj de la Kalkalpoj.

*Temoj kaj raportoj:*

Ika-Konferenco: 1. La nuntempa situacio internacia de la Katolikaro; 2. la internaciaj taskoj modernaj de la Katolikoj. 3. La internacia organizo praktika.

*Porpaca Konferenco:* 1. La fundamentaj principoj kaj ĉefaj celoj de la Katolika porpaca movado. 3. La internacia organizo. *Esperanto Konferenco:* La graveco de internacia helplingvo unueca por la internaciaj taskoj nuntempaj (kun diversaj komisionoj).

*Junula Konferenco:* 1. La celoj kaj taskoj de internacia Katolika junula movado. 2. La praktika organizo internacia.

*Misia Konferenco:* La internacia misia tasko (enlanda kaj eksterlanda misio).

*Oratoroj:* Pritraktos la diversajn problemojn aŭ raportojn i. a. jenaj paroladistoj: S-ro deputato Marc Sangnier, Parizo; Prel. D-ro. A. Giesswein, deputato Budapest, S-ro P-ro Philippe, Bruselo, S-ro P-ro W. Arnold, Zug, Svisujo, S-ro P-ro L. Kornilowicz, Polujo; S-ro P-ro Lutkie, Nederlando k. t. p.

Aliaj Konferencoj (pri la ekonomia kaj gazetara problemo) kaj diversaj komisionoj estos aranĝataj laŭbezone.

Laŭ sciigo de la preparo-komitato okazos en Praha kunveno de la Katolikaj samideanoj. Komuna veturado de Praha al Graz estos aranĝata.

Samideanoj, kiuj intencas partopreni la gravegan kunvenon bonvolu anonci sin tuj. *La preparo-komitato.* Graz, Karmeliterplatz 5, *Aŭstrujo.*

---

**☛ Ĉu VI repagis vian kotizajon kaj abonon? Se jes, dormu trankvile. Se ne . . .**

# TRA LA FAKOJ

## Mondunuiĝo de Esperantistaj Instruistoj

Ni ricevis de S-ro J. W. Sevenhuysen (Leidschevaartweg 123, Haarlem, Nederlando) detalan projekton de la statutoj de tiu unuiĝo. La loko mankas al ni por ĝin presigi entute. Ni plezure rimarkas, ke la unuiĝo estas tre favora al interrilatoj kun UEA. Jen kelkaj artikoloj 1. Ĝia celo estas: *a)* plibonigi la metodojn por la instruo per interparolado kaj korespondado, kaj vizito al la reciprokaj lernejoj. *b)* zorgado por la fizika kaj spirita stato de la internacia junularo, per interŝanĝo de infanoj dum la libertempoj kaj per korespondado. *d)* la ĝenerala enkonduko de Esp. en la lernprogramon de ĉiuj lernejoj. *f)* ĉion fari, kio povas ebligi la kreskadon de la ĝermoj por internacia frateco, ne ofendante la naciajn, religiajn kaj politikajn principojn. 5. La estraro kontraktu kun UEA, tiel ke nia unuiĝo havu definitivan rubrikon en „Esperanto" kaj ke la membrolisto estu aparte enpresita en la jarlibron de UEA. La membroj, kiuj ne estas membroj de UEA devas plie pagi por la ricevo de la gazeto kaj jarlibro. 10. La estraro kunvokas ĉiujare la membrojn en la sama urbo kie okazos la mondkongreso de UEA.

*Stenografistoj!* — Aoranoj vizitontaj la XIII-an sendu vian adreson al S-ro F. Švingr, Bukovsko 78 (Ĉeĥoslovakio).

# Esperantista Vivo

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Marian Solá* kun F-ino *Angela Sicaut* en Terrassa (Hispanio).

**Edziĝoj.** — S-ro *Ad. Larson* kun F-ino *R. Holmgren* en Falun (Svedio).

S-ro *Frederiko Krejĉi*, eksdel. de UEA en Graz, kun F-ino *Ludmila Habianiĉ*.

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *M. Genermont*, en Moulins (Francio), naskiĝis filino nomita Annick.

Al Ges-roj *Petr. V. Toškov*, Del. en Batak (Bulgario), naskiĝis kvara infano nomita Lidio.

Al Ges-roj *Muffang* en Bourg-la-Reine (Francio) naskiĝis filino nomita Yolande.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Samuel Meyer,** ŝipmakleristo, Del. de UEA, ano de la Lingva Komitato, mortis 58-jara en La Rochelle post longa malsano. Li tradukis „La Avarulo" el Molière. Multaj el liaj tradukoj aperis en la Esperanta gazetaro, interalie en „Lingvo Internacia". Li estis Esperantisto de pli ol 20 jaroj. Lia fideleco al la movado estis ekzempla.

**F-ino Emma Reymond,** Esperantistino el Lausanne.

**S-ro Vladislav Stojanov,** lernanto en la Va gimnazia klaso en Tatar-Pazarĝik (Bulgario), mortis pro tuberkulozo la 30 aprilo. Kvankam juna (19-jara) li estis unu el la fervoraj bulgaraj samideanoj.

**Vadim Aleksandroviĉ Stopani,** juna studento, redaktoro de „Ĥina Esperanto", fervora Esperantisto en Shanghai sin mortigis. Ni ricevis de nia samideano S-ro Lu-Ŝi-Ĉin kopion de la adiaŭa letero, lasita de V. Stopani:

„Bonvolu, geamikoj, doni la sciigon pri mia morto al la „Orienta Revuo" kaj „Esperanto" de UEA. Ne pensu, ke mi longe dubis pri la ekzistigo de mia morto. Ne, mi mortas kun la rideto sur miaj lipoj. Ĉu oni povas timi lokon, kie oni ne estas, kaj la tempon, kiam oni ne ekzistas? Ne vera estas la opinio, ke mi malekzistigas min pro la malesperiĝo je vivo. Ne, pli vere estus la opinio, ke mi malesperiĝis je mi mem, sed ankaŭ ĝi estas ne tute vera. Ne havi propran saĝon kaj vidi ĉirkaŭe malsaĝecon estas malfacile por mi. Ha! sufiĉe. Saluton al miaj lernantinoj."




Gvidanto:
*Fr. Hájek*, Přemyslovo n. 396, Praha-Nusle (Ĉeĥoslovakio)

**Problemo N-ro 12**
*A. Bottacchi*
(L'Illustr. ital., 1921)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 13**
*H. T. Bailey*, London
(Sunday Express, 1920)



Blanko matas per la 3-a movo.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 8. 1. K d 3 — e 4 k. t. p. N-ro 9. 1. D f 6 — h 4 k. t. p.
N-ro 10. 1. f 2 — f 4 k. t. p. N-ro 11. 1. D a 8 — h 1 k. t. p.

*Ĝustaj solvoj* de la problemoj 6 kaj 7 alvenis de la samideanoj: H. T. Bailey, London; S. Deakin, Kensington, Liverpool; Th. Rawlinson, Wavertree, Liverpool (Angl.); Y. Kasi, Imatra (Finnl.); R. Koerselmann, Voorst (Nederl.); J. Garcia de la Serrana, Em. Castellano Vita, Baza (Hisp.); K. Laudin, Kroĉehlavy; W. Chmellarz, Teplitz-Sch.; T. Mizera kaj J. Beller, Ĉ. Budějovice (Ĉeĥosl.).

La proponon pri la *koresponda batalo sur la ŝaktabulo* akceptis ĝis nun sekvantaj samideanoj: T. A. Allan, 91, Prud'homme Ave. N. D. G., Montreal, Kanado; H. Etzerodt, Hammel, Danio; Mag. W. Chmellarz, Mühlstr. 6, Teplitz-Schönau, Ĉeĥoslovakio; W. Gieseler, Prenzlauer Promen. 14, Berlin-Weissensee, Germanio; Th. Rawlinson, 263, Thingwall Rd., Wavertree, Liverpool, Anglio; M. Ŝitera, 2721 So. 13th St., Omaha, Nebr., Usono; Lennart Vainio, Waasa, Finnlando; Herrmann Theobald, Im Hag, Altona-Steenkamp, Germanio.

Estas rekomendinde samtempe komenci du interludojn, tiumaniere, ke la ludanto prenu en unu interludo la blankajn, en la alia la nigrajn ŝtonojn. Krom sia movo en la respondo oni kutime ripetas la lastan movon de la kontraŭludanto, ekz.: 5. Ĉ g 1 — f 3, K f 8 — b 4, por eviti eblan miskomprenon. Oni bonvolu senpere interrilatiĝi, laŭ interkonsento eble ankaŭ uzante ilustr. poŝtkartojn. Ne forgesu siatempe sciigi la rezulton al la ŝakredaktoro, kiu deziras bonan sukceson al la fervoraj ludantoj.

**Ludo N-ro 1.** *Skotlanda*, ludita en Praha 1900

| | Blanko: *B. Distl* | Nigro: *E. Rossipal* |
|---|---|---|
| 1. | e 2 — e 4 | e 7 — e 5 |
| 2. | Ĉ g 1 — f 3 | Ĉ b 8 — c 6 |
| 3. | d 2 — d 4 | e 5 × d 4 |
| 4. | Ĉ f 3 × d 4 | Ĉ c 6 × d 4 |
| 5. | D d 1 × d 4 | Ĉ g 8 — e 7 |
| 6. | K f 1 — c 4 | c 7 — c 6 |
| 7. | Ĉ b 1 — c 3 | d 7 — d 6 |
| 8. | K c 1 — g 5 | D d 8 — b 6 |
| 9. | D d 4 × d 6 | D b 8 × b 2 |



La pozicio fariĝis mirinde interesa.
Vidu la bildon!

10. T a 1 — d 1 D b 2 × c 3 +

Nigro kaptas figuron post figuro, ne vidante la danĝeron.

| | | |
|---|---|---|
| 11. | K g 5 — d 2 | D c 3 × c 4 |
| 12. | D d 6 — d 8 +! | R e 8 × d 8 |
| 13. | K d 2 — a 5 ++ | R d 8 — e 8 |
| 14. | T d 1 — d 8 | mato. |

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 7.50 Kr.; *Belgio* 1.20 Fr.; *Britlando* 7½ d.; *Bulgario* 3 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 2.70 Kr.; *Finnlando* 1.80 F.M.; *Francio* 1.20 Fr.; *Germanio* 2.40 Mk.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 5.50 Kr.; *Italio* 1.55 L.: *Jugoslavio* 4 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Pollando* 7.50 M.; *Skandinavio* 0.75 Öre; *Svislando* 0.75 Fr.; *Usono* 0.30 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 4 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante se ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio

**Gmeingrube,** Post St. Peter-Freienstein (Steiermark). — S-ro Hanns Menner, PI, bfl, L, k. ĉ. l. (Esp., germ., fr., itale).
**St. Margarethen-Knittelfeld.** — S-ro V. Grasser, PI (nur belaj, kun junaj sam-anoj en Ĉinio, Japanio, Hindio, Hispanio, Afriko, Turkio, Palestino, Grekio; dez. reciprokan interŝanĝon de portretoj; koresp. ankaŭ kun geinfanoj el la cititaj landoj).
**Wien.** — S-ro J. Kolnhofer, 13/4 Zehetnergasse 37, PM, PK, Esp. gaz. (vendas kaj interŝ., postulu prezaron, vidu rubrikon „Petoj kaj Proponoj").

### Belgio

**Antwerpen.** — S-ro Théo. Durieux, makleristo de sekigitaj fruktoj, 40, Grammestr., PI, L.
**Antwerpen.** — La membroj de la grupo de Esperantistaj Geinstruistoj deziras korespondi kun gekolegoj el ĉiuj landoj. Oni unue skribu al S-ro Jan Jacobs, Prezidanto, red.-adm. de „Int. Pedagogia Revuo", Boomsche Steenweg 444, kiu transdonos la korespondaĵojn.

### Britlando

**Bedworth** near Nuneaton (Warwickshire). — S-ro George Probert, instruisto, 53, Leicester Rd, PI, k. ĉ. l. (pri tipaj naciaj moroj).
**Glasgow.** — S-ro Struthers, 14, Church Street, PI (belegajn vidaĵojn), k. ĉ. l.
**Portsmouth.** — F-ino Hilda Hopwood, 28, Alexandra Road, petas la indulgon de siaj korespondantoj pro nerespondo; ŝi respondos tuj kiam ŝi havos tempon.
**Wallsend-on-Tyne.** — S-ro J. Buchanan (17-jara), 9, Sunningdale Ave., PI, bfl, L, k. ĉ. l.

### Bulgario

**Gorna Orehovica.** — S-ro Nikola Ĥaralambev, Gara, PI (pri komercaj aferoj).
**Jamboi.** — S-ro Penko Petrov salutas siajn antaŭmilitajn korespondantojn.
**Sofia.** — S-ro Georgi Hr. Gaŝevski, Centra Librejo Esperanto, L, PI, k. ĉ. l. (pri ĉiaj temoj).

### Ĉeĥoslovakio

**Bodenbach.** — S-ro K. Rosbah, poŝtoficisto, Ŝmelze 13, PM, k. ĉ. l.
**Bodenbach 507.** — S-ro Hartwig Kammel, PI, L, PM.
**Cáslav.** — S-ro Ŝperling Bohumil, „Pomona", PI, PM (kun ĉiulandaj samideanoj krom germanoj).
**Ĉernowitz** apud Komotau. — S-ro Franz Vogel, PI, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Dessendorf** bei Gablonz a. N. — S-ro Gustav Förster, posedanto de tradukoficejo „Kosmopolit", petas ĉiujn eksterlandajn artamantojn sendi multegajn nur vere interesajn PI (popol- kaj naciaj kostumtipoj) bfl. Kompenso laŭdezira. Serĉas daŭran amikan korespondadon Esperantan, francan, italan, hispanan, ĉeĥan. Aĉetas interesajn fremdlingvajn ilustritajn gazetojn, librojn kaj precipe belajn, verajn artmetiajn laboraĵojn (antikvaĵojn) el Oriento, Orienta Azio kaj aliaj landoj.
**Dŭx.** — S-ro K. Kottlik, Marktplatz, PM, PI (al tiu, kiu sendos al mi diversajn PM de sia lando mi sendos tuj saman kvanton de Ĉeĥoslovakio).
**Herbitz-Karbitz.** — S-ro R. Hibner, poŝtoficisto, PM, k. ĉ. l.
**Jindr. Hradec.** — S-ro M. V. C Karel Hönig, PI, PM (precipe kun ekstereŭropanoj).
**Král. Vinohrady.** — S-ro Jaroslav Franek, 8, Trebézskeho, PI, L.
**Litovel** (Morava). — S-ro Zdenek Ŝevĉik, Palackého 127, L, PI, PM (france, Esperante, germane).
**Nusle 294.** — S-ro Frant. Kliment, PI (ĉiuspecaj).
**Nusle 11.** — S-ro Gustav Ctibor, L (pri vivasekuro).
**Pihl-Haida.** — S-ro Ferdinand Jochmann, maŝinkomercisto (pri komerco de maŝinoj).
**Pisek.** — S-ro J. Huttar, Budova gymnasia, PI, PK, L, E, PM, k. ĉ. l.
**Pisek.** — S-ro K. Táborsky, Ĉechova ul. 285, PI, L, k ĉ. l.
**Podersam** ĉe Saaz. — S-ro Leo Zettl, oficisto, PI, PM, L, k. ĉ. l.
**Podersam** ĉe Saaz. — F-ino Trude Mühlstein, PI, PM, L, k. ĉ. l.
**Podersam** ĉe Saaz. — S-ro Rudolf Mottitschka, PI, PM, L, kun alilanduloj.
**Praha VII.** — S-ro Frantisek A. Janeĉek, oficisto, Belcrediho tr. 398, PI, PM.
**Praha II.** — S-ro B. Vrany, Koubková 6, PI, L, PM, G.
**Praha-K. Vinohrady.** — S-ro Jaroslav Franek, bankoficisto, Trebizského ul. 8, PI, PM, bfl (ne germ., aŭstr., jugosl., ruman.).
**Prerov** (Moravio). — S-ino Vlasta Krejĉiriková, Ĉechova 6, PI, L, k. ĉ. l. (prefere kun anglaj, francaj kaj orientaj landoj).
**Proseĉ** apud Skuĉ. — S-ro Antonin Bárta, metallaboristo, PI, PM (broŝuroj por propagando de Esperanto).
**Reichen 98** bei Tetschen. — S-ro Anton Wagner, muelisto, PI, L, k. ĉ. l. (precipe samfakanoj).
**Röchlitz 234** bei Reichenberg. — S-ro Kamil Ron, fervojisto, PI, bfl, L, k. ĉ. l.
**Ruzomberok.** — S-ro A. Hilscher, oficisto de Slovenska banka, PI, bfl, L (pri ĉio).
**Smidary.** — S-ro Václav Zajiĉek (15-jara), PM.
**Stodo 136** apud Plzen. — S-ro Rudolf Ŝindelár, PK, PM, Esp. gazetoj.
**Strupĉice** apud Chomutov. — S-ro Frantiŝek Jenĉ, PI, bfl, L.
**Trautenau.** — S-ro Karl Wolf, Gebirgsstr. 54, PI, PM.
**Vitkovice.** — S-ro Ernesto Janeĉka, Respublikanska 28, PI.
**Vrsovice.** — S-ro D-ro Fr. Prachfeld, Spojka 17, PM (kun seriozaj filat., minim. por 50 kat. val., k. ĉ. l.).
**Wilsdorf b. Bodenbach.** — F-ino Filomena Lustinek, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Zilina.** — F-ino Kamilla Hluĉil, poŝtoficistino, PI (nur artajn pri la naturo).

### Estolando

**Haapsalu.** — S-ro Grünthal, fotografisto, PI, L, stereoskopaj-fotoj (nur kun fotografistoj).
**Haapsalu.** — S-ro M. Pääbo, gimnaziano, Suvorovi t. 8, PI, PM.
**Haapsalu.** — S-ro A. Ruderström, gimnaziano, Kopli t. 14, PI, PM.
**Karuse** p. t. k. — S-ro Konstantin Kellermann, PM (precipe kun neeŭropanoj).
**Karuse** p. t. k. — S-ro Voldemar Reimann, PM (precipe kun neeŭropanoj).
**Tallinn.** — S-ro Artur Malla, PM (kun seriozaj kolektantoj kaj komercistoj, laŭ katalogo Yvert, Michel, kontraŭ estonaj, latviaj kaj PM de rusa nordokcidenta armeo. Sendu unue ne malpli ol 200 M. aŭ 100 Fk. laŭ katalogvaloro.
**Tallinn.** — S-ro Karl Blum, Uus Tatari t. 23 k. 9, PI.
**Tallinn.** — F-ino Ksenia Kurassov, Riesenkampfstr. 29—3 (angle kaj france).
**Tallinn.** — F-ino Hedwig Ehrenpreis, Rüütli 6, „Espero", PK, PI, L, Esp-aĵojn.
**Tallinn.** — F-ino Lidia Lieberecht, Rüütli 11, PK, PI, L, G. Esp-aĵojn.

### Finnlando

**Helsinki.** — S-ro Aarne Soininen, medicina stud., Kaptunin katu 1 c (kun studentoj).
**Helsinki.** — S-ro Martti Selin, Kotkavuori Ullanlinnankatu 3, k. ĉ. l. (pri radiotelegrafio).
**Jämsä.** — F-ino Helly Hilden, studentino, k. ĉ. l.
**Joensuu.** — F-ino Hiima Wartiainen, PI, k. ĉ. l.
**Joensuu.** — S-ro V. Puumalainen, studento, PM, k. ĉ. l. (nur bonstataj, puraj, ne malpli ol 100).
**Kajaani.** — F-ino Ida Keränen, Kauppak 27, L, PI (kun ĉiuj).
**Kirvu.** — S-ro Bernhardt Lamberg, Wehkapäänk 3, PI (kun ĉiuj).
**Kirvu.** — S-ro T. Ovaska, Wehkapäänk, L, PI (kun ĉiuj, precipe kun fraŭlinoj).
**Merikarvia.** — F-ino Hanna Wegelius, studentino universitata, L, PI, PK, k. ĉ. l.
**Mikkeli.** — S-ro Lauri Mäntylä, Esikaupunki Osuuskaupa, L, PI (kun ĉiuj).
**Mikkeli.** — S-ro Yrjö Nieminen Työv, Osuusk, L, PI (kun ĉiuj).
**Mikkeli.** — S-ro Kalle Huopanen Työv, Osuusk, L, PI, PM (kun ĉiuj).
**Ruukki.** — S-ro Y. Kuorikoski, Oulun Osuusk, L, PI (kun ĉiuj).

### Francio

**Fiers-de-l'Orne.** — S-ino Bousquet, 32, r. de la Planchette, PI, L.
**Fontenay-aux-Roses** (Seine). — S-ro Michel Ecochard, 19, rue Boucicaut, PI (pri arĥitekturo), k. ĉ. l.
**Havre.** — S-ro H. Dubuisson, 18, rue Bellevue (kun elektrokomercistoj pri komerco).
**Morteau** (Doubs). — S-ro Félix Oudot, 4, place Carnot, PM, k. ĉ. l.
**Paris XIX.** — S-ro Salvador Magem, riparistô de Ĉinaj kaj Japanaj lakajoj. 153, rue de Belleville, PI, bfl (kun ĉiulandanoj, precipe ekstereŭropanoj kaj sammetianoj).
**Strasbourg** (Alsace). — S-ro Karl Bloess, 4, r. du Soleil, PK, PI, k. ĉ. l. (sendos laŭdezire vidaĵojn el Oran).
**Strasbourg** (Alsace). — S-ro Henri Ménétrier, 67, rue de Zurich, L, PI.
**Strasbourg** (Alsace). — S-ro Anton Schwartz, 20, Bd. Poincaré, L, PI.
**Strasbourg** (Alsace). — F-ino Maria Kiehl, 6, Finkwillerstaden, PI.

### Germanio

**Ahlbeck** (Ostseebad). — S-ro Karl Spintig, bankoficisto, PI, PM, k. ĉ. l.
**Altona.** — S-ro Hermann Theobald, im Hag 18 (Steenkamp), PI, Esp-ajoj, gaz., k. t. p. (por gekursanoj 18—20 jaraj).
**Altona.** — S-ro Hermann Theobald, im Hag 18 (Steenkamp), L, PI (nur kun ekstereŭropanoj kaj anoj de novaj ŝtatoj).
**Benrath** (Rhein). — Nova grupo. Adreso: S-ro R. Humbeck, Schlossallee 68, PI.
**Berlin-Lichtenberg.** — F-ino Lisbeth Lippold, Herzbergstr. 26, PM, PI, L (pri muziko).
**Breslau 1.** — S-ro eklezia konsilanto Becker, Altbüsserstr 34, kolektas, interŝanĝas Esp. sigelmarkojn.
**Breslau 2.** — S-ro Walter Geppert, Buddestr. 15, L, PK, k. ĉ. l.
**Breslau 23.** — S-ro Hans Lehmann, Kantstr. 47, L, PI (por si kaj 16-jaraj lernantoj), k. ĉ. l.
**Buer i. W.** — F-ino Helene Towet, Egerplatz 5, PI, k. ĉ. l.
**Dresden-N 6.** — S-ro D-ro phil. Fritz Kyaw, Glacisstr. 2, PM.
**Eisleben.** — S-ro W. Lange, Holleschestr. 68, PI, bfl, PM.
**Friedrichsthal/Saar.** — S-ro Oskar Kuhn, Bismarckstr. 1 b, PI, L (Esperante kaj germane).
**Friedrichsthal/Saar.** — S-ro Johann Nelz, Schillerstr. 6, L, PI (ne PM).
**Godesberg a. Rhein.** — S-ro Max Butin, Kronprinzenstr. 33, PM, donos PM, PI, Esp-ajojn aŭ helpmonbiletojn.
**Harburg/E.** — S-ro Emil Hoops, Eissendorferstr. 185, PI, L, k. ĉ. l.
**Helmstedt** (Braunschweig). — S-ro Erich Lüer, oficisto, Henkestr. 36, nur PI multkoloraj.
**Königstein** (Elbe). — S-ro Paul Huhn, Pirnaerstr. 26, L, PK (filatelista afr.), PM.
**Landsweiler Reden/Saar.** — S-ro Hermann Koch, Vogelstr. 6, PI, PM, monerojn kaj monbiletojn.

